# REGo

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* *№ 5 (78) oktobro 2013*




**en la numero**



**Moskvo, 2013**

# enhavo





Natalja Berce kaj Svetlana Smetanina dum BET-49


**REGo**

**(Rusia Esperanto-Gazeto)**

**№ 5 (78) oktobro 2013**

*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Georgij Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio

*retadreso:* gazeto@mail.ru

***abontarifoj por 2014:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 580 rubloj, sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*aŭ pagendaj al:* 410011382499386
en la pagsistemo “Яндекс.Деньги”

*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*

**elektronika abono** *– 300 rub. (10 eŭr.)*

# RUSIA ESPERANTO-MOVADO. KIEN NI?

La 14-an de aprilo 2013 estis elektita nova Prezidanto de REU. La unuan fojon en Rusio – prezidant*in*o. En la reto aperis pozitivaj reagoj kaj esperoj pri pozitivaj ŝanĝoj en Rusia Esperanto-movado. Nu, diri, ke la antaŭuloj ne volis pozitivajn ŝanĝojn kaj faris nenion, estas minimume kalumnio kaj firikanaĵo. La antaŭa prezidinto, Grigorij Arosev, provis realigi sian planon, sed ne sukcesis. Pri tio li aperte rakontis. Nu, ne eraras tiu, kiu nenion faras.

Tio, ke socia pozicio de REM pli kaj pli flankeniĝas kaj rilato en la socio al Esperanto iĝas pli skeptika, videblas, kio certe ĉagrenas aktivulojn. Kaj tio rekte negative influas al REU. Eterna rusa demando: “Kiu kulpas?”. Mi aŭdacas diri – neniu!.. Kaj ni, espoj. Se serioze, do ne tiom simplas la afer’... Mi provu eldiri mian vidpunkton, plej verŝajne iuj asertoj kaj konkludoj estos ne senriproĉaj. Sed mia sincera intenco estas, ke aktivuloj, kiuj ankoraŭ ne perdis entuziasmon kaj ne dronis en ĉiutageco, kunsolidaru al alvoko de la prezidantino “Ni agu kune!” kaj ellaboru planojn kaj projektojn, klarajn por eĉ plej ordinara rusia esperantisto. Estu tiuj planoj malmultnombraj, sed realigeblaj! Gravas, ke tio estu plano ne nur de REU-Estraro, sed de ĉiu aktiva rusia esperantisto. (Verdire, jam klare mi aŭdas rikanojn kaj fajfojn – utopie kaj “komunjake” sonis.) Mi ŝatus substreki – mi ne estas orakolo, mi tute ne strebas edifi kaj mentori kiel iu ĉionscianta, mi nur volas vortumi tion, kio min maltrankviligas, kaj esperas, ke konstruivaj kaj pozitivpensantaj E-aktivuloj, al kiuj ne estas “tutegale”, kunlabore pridiskutos tiun artikolon kaj eble… io utila aperos, kio helpos fari konkretajn aferojn por ke nia E-vivo estu pli interesa kaj emociplena.

Endus aldoni – ne ĉio tiom malbonas, en rusia Esperantujo estas farataj interesaj aferoj, aranĝoj, aktivaĵoj... Sed, se kompari kun aktiveco en la 60-70-80-aj... Tamen ĉiuj taksoj pri tio estas nure emociaj, neniu povas diri, ke estas pli malbone je 10 centimetroj aŭ je 1 kilometro, malpli aktive je 100 gramoj aŭ 100 kilogramoj. Aŭ ne necesas kompari – alia tempo, aliaj moroj? Sed restas iu svaga maltrankvileco, revo pri io pli feliĉa, pri io pli vigla, pri io pli malĉiutageca...

## *E-movado, socio kaj sovetia “realeco”…*

Por pli klare kompreni la nunan situacion, mi ŝatus *reeniri* al la pasinta tempo kaj fokusigi la atenton je disvolviĝo de sovetia E-movado ene de sovetia socio kaj post disfalo de USSR.

Kiam oni parolas pri reviviĝo de E-movado en nia lando post la Dua mondmilito, tuj oni diras, ke ĉio komenciĝis en 1957 dum preparo de la 6-a Tutmonda festivalo de junularo kaj studentoj. Sed pli vigla agado komenciĝis en mezo de la 60-aj, kiam fondiĝis SEJM. Ĝenerale, en tiu tempo ene de la sovetia socio ĉio “bolis” – aperis t.n. neformalaj movadoj, organizaĵoj kiel sekvo de “ĥruŝĉova degelo”. E-movado ankaŭ estis io nova kaj ne mirindas, ke alfluo de interesiĝantoj estis granda. Sed “verda lumo” al nia “verda movado” fare de la reganta klano ne estis, la regantoj intuicie timis desuban iniciatemon kaj laŭ sia povo bremsis E-agadon kiun ili ne povis administri. Do, specifaj kondiĉoj formis specifan karakteron de SEJM – plejparte ĝi estis kluba-tendareska. Alvenadis sociaktivaj, talentaj

personoj, sed... inter esperantistoj preskaŭ ne estis famaj kaj influaj personoj. Tiamaj gvidantoj provadis "elŝiriĝi" el striktaj kadroj – "leterobusoj" (leterkampanjoj) [legu en: M.Bronŝtejn. Legendoj pri SEJM. Impeto, 2006, p. 199-205], sed...

Kaj kiam la aktiveco de esperantistoj iĝis rimarkebla, la reganta klano "ekskrapis nukon" – kion fari? Aperis ASE. SEJM-aktivuloj esperis, ke oficiala organizaĵo aprobita de regantoj permesos plilarĝigi E-agadon; ho ve, "jezuita" plano riveliĝis pli poste, kiam ŝlosilan postenon de ASE okupadis oficistoj-kontraŭesperantistoj. Do, la socia pozicio de E-movado restadis periferie/marĝene. Esperantistoj montris sian lojalecon – kantis porsolidarajn kantojn, partoprenis mitingojn kaj sabatlaborojn, sed tio ŝanĝis rilaton al ili nemulte, ĉiam ili estis suspektataj – ja parolis ili en nekonata lingvo!

La perestrojko donis iun esperon rimarkigi sin, trafi indan agnoskon de la nova komunista reganto. Riskante Valdemar Kauc rekte transdonis leteron pri problemoj de E-movado al Gorbaĉov. Jezuitecon de politikistoj nun ni bone scias. Esperantistoj ribelis, protestis, konferencis, sed ASE "ĝisvivis" la jaron 1989.

Malgraŭ tio, E-aktivado atingita dum SEJM-a periodo longe sentiĝis en tiu tempo. Regule pasis multaj E-aranĝoj tra la tuta lando, funkciis E-kursoj.

Kaj jen, en komenco de 1991 okazis referendumo pri "unueca kaj nedividebla USSR", sed post 9 monatoj "triopo" fakte pereigis Sovet-Union. Socia aktiveco altiĝis neimageble, estis permesita privata komercado, ĉiuj "ĵetiĝis" perlabori monon, galopa inflacio, "500 taga programo" k.a. En tiaj kondiĉoj okupiĝi pri serioza E-agado iĝis tre malfacile. Kvankam aperis multaj eblecoj, jam eblis facile veturi eksterlanden, eblis jure registri nekomercajn organizaĵojn, neniu malhelpis okupiĝi pri io ajn. Sed "plenakva rivero" de novicoj rapide sekiĝis je "dufingra rojeto", multaj E-aktivuloj pro vivcirkonstancoj malaktiviĝis; se iu E-klubo havis ejon – oni ĝin perdis. Tamen dum tiaj malfavoraj kondiĉoj E-vivo pulsis, restarigita SEU jure registriĝis, okazadis E-aranĝoj (tamen iama amaseco kaj prestiĝo videble ŝrumpis). En 1995 unuafoje sur la teritorio de Rusio okazis IJK-51 kun kvante inda partoprenantaro! Kiom da malfacilaĵoj travivis la organizantoj...

2000-2010 – la bolantaj 90-aj pasis, ioma stabileco sentiĝis en la lando. 2004 – IJK-60, laŭ mi – tre bona aranĝo (ho ve, kiel siatempe rimarkigis en "La Ondo de Esperanto" Komitatano Z, post ĉiu sukcesa E-aranĝo la mastra organizaĵo/klubo/kolektivo dissolviĝas – Rusia Esperantista Junulara Movado kiel memstara disde REU fakte malaperis, SEJT-oj restis en la historio). Post la sukcesa IJK-60 oni komencis serioze esplori eblecon okazigi UK-on en Rusio. Estis invitita la Ĝenerala Direktoro de UEA Osmo Buller, kiu surloke esploris eblecojn okazigi seriozan internacian aranĝon. Sed, kiel mi supozas, li ne rimarkis sufiĉe fortan E-movadon kaj ne riskis okazigi UK-on en Moskvo, kvankam da ideologiaj +++ por okazigi ĝin la unuan fojon en Rusio estis multaj. Tamen kohereco inter rusiaj espoj prie estis febla. Do, teston pri forteco de E-movado rusia esperantistaro ne trapasis. Aŭ oni ektimis la aserton de Komitatano Z?

Resumo: Rusia E-movado formiĝis kaj evoluis en specifaj kondiĉoj, alta nivelo de E-aktiveco en la 60-70-80-jaroj okazis pro amasa alfluo de sociaktivaj personoj al kiuj plaĉis neformaleco, ebleco disvolvi siajn kapablojn. Strikta socia etoso kon-

trolata de la reganta klano limigis disvolvon de agado en la kluba-tendara kadro. La idearo de E-o estis subtenita “supre” nek dum la sovetia tempo, nek dum “sovaĝa kapitalismo”. La ne tre forta ekonomio de Rusio, tre dependa de la usona kaj eŭropa ekonomioj, kies ĉefa ekonomia lingvo estas la angla/usonangla, devigas opinii plejparton de la loĝantaro, ke la sola internacia lingvo estas la angla kiun necesas studi. Ŝanĝi tiun nun disvastigitan opinion en proksima tempo ni apenaŭ sukcesos.

Malgraŭ ŝanĝo de sociaj kondiĉoj, REU dume ne sukcesis adaptiĝi al la nuna situacio. En la mondo kaj Rusio funkcias sukcesaj NKO, tiun sperton endus studi kaj apliki por E-agado.

### *NKO – ĉu tiom nekomercaj organizaĵoj?*

Kio diferencigas komercajn kaj nekomercajn organizaĵojn? Laŭleĝe – nekomercaj organizaĵoj ne rajtas distribui profiton inter anoj/organizantoj de NKO, ĉiuj monrimedoj devas esti elspezitaj nur al statutaj celoj. Sed tio tute ne signifas, ke iuj laborantoj devas labori senpage, sensalajre! Jes, en NKO laboras volontuloj, tamen estas salajrataj personoj kiuj tuttage organizas, kunordigas kaj laboras por la organizaĵo!

Kaj en funkciado de komercaj kaj nekomercaj organizaĵoj estas multaj paralelaj metodoj de laboro. Do eblas, ke NKO “vendas” foje specifan “varon” kiu estas tre bezonata por apartaj sociaj grupoj de la loĝantaro, aŭ por socio ĝenerale, sed pro iuj kaŭzoj tion faras nek ŝtataj organoj, nek komercistoj. Ekzemple – ekologio, karitato...

Por esti sukcesa NKO devas klare determini pri kio ĝi okupiĝas, klare formuli la celojn, klare kompreni la celgrupon al kiu estas direktata la agado. Ĝia misio devas esti klare formulita tiel, ke iuj ajn eksterulo komprenu pri kio okupiĝas la organizaĵo. Oni devas havi konkretajn planojn kaj projektojn. Por realigo de la projektoj la organizaĵo devas havi tutan sistemon de serĉado de resursoj kaj rimedoj. Necesas scii, ke neniu organizaĵo vivtenas sin nur per kotizoj! Krom se inter la membroj estas arabaj ŝejkoj aŭ rusiaj oligarkoj... Por monrimedoj organizantoj sin turnas al komercistoj, al fondusoj por subteno de NKO, partoprenas en konkursoj organizitaj de ŝtatorganoj (municipoj, ministerioj k.s.). La tiel nomata 3-a sektoro (de la ekonomio) kiun konsistigas diversaj NKO, en Rusio dume ne estas bone evoluinta kiel en Eŭropo kaj Usono. Tamen mi supozas, ke multaj aŭdis pri funkciado de NKO, eble partoprenis en agado de iu organizaĵo.

Resumo: por pozitiva ŝanĝo en la agado de REU necesas poiomete (paŝo post paŝo) ŝanĝi metodojn de la laboro. Tiuj ŝanĝoj neniel tuŝos la Statuton; eĉ pli, laŭ la Statuto eblas kontroli ĉu konformas ontaj ŝanĝoj al ĝi, ĉu proponataj projektoj konformas al la statutaj celoj. Ankaŭ devas esti ellaborita klara buĝeta disciplino. La prezidanto rajtas oficiale ricevi monan rekompencon konforme al konkretaj atingoj de la organizaĵo. Poste tion endus enkonduki al estraranoj kaj gravaj funkciuloj. Longe labori nur pro ideo ne eblas!

### *REU – pri kio “reuas”?*

Post la disfalo de USSR ankaŭ en la E-medio okazis “parado de suverenecoj”, 2 fortaj centroj – moskva kaj sverdlovska (nun jekaterinburga) provis levi pli alten E-

torĉon, sed ambicioj baldaŭ estingiĝis kaj la tutrusia E-organizaĵo sub nomo REU ekruliĝis laŭ kutimaj reloj. Pli-malpli regule estis organizataj Konferencoj en kiuj la partoprenantoj elektis/reelektis la Prezidanton, la Estraron. Kiu iam partoprenis – bone scias la "kuirejon". Notinde estas, ke elektado okazadis kun granda malfacilo – tutsimple aktivuloj malmultas! Jes, multaj iamaj aktivuloj ĉu malaktiviĝis pro batalo por ĉiutaga pano, ĉu elmigris aŭ simple elreviĝis. Iama alfluo de novaj fortoj preskaŭ "sekiĝis", ĉar kvanto de E-kursoj signife malmultiĝis, ne laste pro la ekonomia vivo de la lando. La kaso de la organizaĵo formiĝis ĉefe el kotizoj, la kolektata sumo estis malklare elspezata, ja buĝeta politiko forestis. Simple – pagu la kotizon, ja devas esti tiel. Sed <u>por kio</u>, por multaj restadis tute ne klare. Certe, estas iuj pagendaĵoj – kotizo al UEA, administraj elspezoj, produktado de membrokartoj... Sed kiom por la statutaj celoj? Mi, kiam estis en la Kontrol-revizia Komisiono, studis kasajn rikordarojn – komprenis nemulte. Jes, la kasisto bonvolis klarigi, sed strukturo de la elspezoj restis en nebulo. Do, por vegetado sufiĉis, por pli-malpli seriozaj projektoj – absolute ne.

Reelekto pasis. La "verda popolo" elspiris pro faciliĝo, oni elektis "viktimojn" – eblas reveni al propraj ĉiutagaĵoj. La Prezidanto faros ĉion!

Sekvis kelkaj estrarkunvenoj laŭkutime, io-tio estas farita laŭ propra kompreno kion devas plenumi tiu aŭ alia estrarano. Kaj tiel ĝis la sekva REU-konferenco.

Jes, iom malgaja bildo prezentiĝis. Ŝanĝiĝis vivo en la lando, ŝanĝiĝis kondiĉoj, sed REU, aŭ eĉ pli – la rusia E-movado, moviĝis ien ne tien…

### *Kion fari nun?*

Unu el eternaj demandoj de intelektularo en Rusio – "Kion fari?" Iuj kvazaŭ-ĉionsciante elokventas – "Tion kaj tion, sed neniukaze tion!", iuj – "kion fari – nenion, ja tutegale nenio rezultos!". Polusaj opinioj kaj ne fruktdonaj.

**Strategiaj direktoj, taktikaj taskoj, konkretaj projektoj**

**– vojo al sukceso.**



Nenion supernovan mi proponos, se eldiros: "Kiam klaras la celo, kiam klaras kion ni volas – pli facilas la agado, pli realas onta sukceso!".

Tamen kiel tio aspektas praktike?

Misio. Grandparte ĝi estas skribita en la Statuto. Tamen por la ekstera publiko, ankaŭ por esperantistoj, ĝi devas formulita per klara lingvaĵo en 80-100 vortoj. Post ties tralego fare de iu ajn ne aperu kromaj demandoj pri kio okupiĝas la organizaĵo, pri ĝiaj celoj kaj por kiuj ĝi laboras. Certe, la tasko verki koncizan tekston estas ege malfacile. Sed enda, ja kun tiu ni eble nin turnos al sponsoro(j), al fondusoj kiuj subtenas NKO k.a.

Strategiaj direktoj. Ŝajne klaras pri kio temas. Tamen ankaŭ ili devas esti klare kaj konkrete formulitaj. 2-3 – tute sufiĉas. Kvankam tio dependas de konkretaj cirkonstancoj kaj matureco de organizaĵo.

Taktikaj taskoj. Ene de konkreta strategia direkto oni strukturigas certajn taskojn de agado. Ne estas iuj limigoj laŭ tempo, tamen "vivodaŭro" povas esti pli mallonga ol tiu de strategia direkto.

Projektoj. Mi ne "malkovru Amerikon" – laŭ ISO 21500, "projekto estas unika procezaro konsistanta el kunordigitaj kaj kontrolataj taskoj kun datoj de komenco kaj fino, realigata por atingi la celon. Plenumo de la projekta celo postulas rezultojn laŭajn al specifaj postuloj, kiuj inkluzivas limigojn pri tempo, kosto, resursoj". Se diri pli simple – ni celas atingi iun celon dum konkreta tempodaŭro, kaj verkante projekton ni devas konsideri ĉion – limigitan monon, tempon kaj resursojn (ilaro, laborantoj/volontuloj k.a.).

La tasko verki bonan projekton estas malfacila, komercistoj riskas perdi profiton, nekomercaj organizaĵoj riskas pli – perdon de fido, prestiĝo, sukceso k.a.

Kiel mi vidas la ĵus skribitan aplike por REU? Nu vortumi mision de REU mi apenaŭ sukcesos. Strategiaj direktoj:

- "popularigo kaj disvastigo de la lingvo Esperanto" – 1. **instruado kaj informado** (alfluo de novaj anoj);
- "plifirmigo de la paco, evoluigo de la internacia kunlaboro en ĉiuj sferoj de la homa agado helpe de la lingvo Esperanto" – 2. **Internaciaj E-aranĝoj en la lando kaj eksterlandaj vizitoj**;
- 3. **Stabila funkciado de REU**.

Taktikaj taskoj: 1.1. – preparo de E-instruistoj, 1.2. – lanĉo/iniciato de E-kursoj en diversaj lokoj, 1.3. – informado pri E-o en amaskomunikiloj; 2.1. – organizo de enlandaj E-aranĝoj kun partopreno de eksterlandanoj, 2.2. – karavanoj de eksterlandanoj laŭ vizitendaj lokoj de Rusio ("Ora ringo", Bajkalo, Moskvo, Sankt-Peterburgo, Maĥaĉkala, Groznij k.a.), 2.3. – karavanoj al eksterlandaj E-aranĝoj, 2.4. – perado de reciprokaj vizitoj de unuopuloj aŭ malgrandaj grupoj (iaspeca "popola diplomatio"); 3.1. – interagado kun anoj de REU, plenumo de buĝeto, interrilato kun eksterlandaj E-organizaĵoj.

La supre skribita laŭpunkte estas kiel ekzemplo. Kompreneble, oni povas konstruktive kritiki, endus aldoni, eble reformuli/reverki. Sed ne rikani, kritiki nur por kritiki, des pli priridi por sia kontento – tio estas por mi tutegala!

***Geĉjo Basov (Stavropolj)***

# UK-98, REJKJAVIKO, ISLANDO

*rememoroj kaj impresoj de vojaĝinto*

Ĉi-somere mi vojaĝis Islandon en grupo de rusiaj esperantistoj. Organizanto kaj gvidanto de la teamo estis Svetlana Smetanina, Prezidanto de REU. Certe, la celo de nia veturo estis partopreni la 98-an UK-on en Rejkjaviko. Ĉi-foje la tempo de iro al kaj el la kongresurbo estis nekompareble pli kurta, ol antaŭe (mi rememoras miajn du karavanadojn al Danio kaj Sicilio).

Nur unu nokton ni pasigis en la vagonaro Moskvo – Sankt-Peterburg, atingis perbuse la aviadilejon Pulkovo-2, registriĝis, elflugis je 9:40 kaj... je 9:40 venis internacian flughavenon Reykjavik-Keflavik. La magia tempo-fenomeno okazis ne pro ago de iu tempo-maŝino, sed pro diferenco inter loka tempo de Rusio (Moskvo) kaj Islando (Rejkjaviko). Tamen, la efekto de fulma rapideco min ravis.

La teamo serioze prepariĝis-ekipiĝis por la malproksima vojaĝo al la plej norda (ankaŭ malgranda) ĉefurbo! Ja diversfonta reta informo prognozis averaĝan temperaturon de julio en Rejkjaviko +13ºC. Sed… duonenhavo de ĉies valizoj evidente restis neuzita. La vetero vere favoris nin, la kongresanojn de la tuta mondo, dum 2 semajnoj! Estis +15-18ºC, sunis aŭ malvarmete milde nebulis. Nur unufoje, dum la unua piedmarŝa ekskurso tra la urbo, ni vestis nin aŭtune. Eĉ iuj surkapigis kapuĉojn de siaj jaketoj. Nia ĉiĉerono Galina, rusa sinjorino, loĝanta dum 7 jaroj en Rejkjaviko, estis vestita islandmaniere – en ŝaflana trikita ĵaketo. Ŝajnas, ĉiu islandano havas la samajn, kiel evidentiĝis iom poste... Pluvis serioze, islande, nur unufoje. Ho, nun mi komprenas, kial homoj tie ne kunportas ombrelojn. Ĉar, pro ventego, ombreloj tuj rompiĝas. Nur fremdlandaj turistoj ilin penadas uzi… Lokanoj preferas jaketojn kontraŭpluvajn aŭ mantelojn. Po iom ĉiuj ni alkutimiĝis vestiĝi en anorakoj, kiujn necesis nur butonumi aŭ malbutonumi depende de cirkon-



stancoj.

Bela koncertejo kaj kongresejo “Harpa”, moderna novkonstruita palaco, troviĝas sur la bordo de Rejkjavika golfo, apud malnova haveno. De malproksimo ni rimarkis multajn flagojn sur altaj flagstangoj apud la konstruaĵo. La plej bele verdis-flirtis Esperanto-flago, invitante nin, gastojn de la urbo, UK-kongresanojn.

Kaj komenciĝis la grandega evento, ĉiujara festo de la monda esperantistaro! La unuan tagon, vespere, tradicie funkciis Movada Foiro. Tiu evento tre gravas, ĉar ĉiuj kongresanoj povis vidi informojn, anoncojn de diversaj ontaj aranĝoj de la Kongreso, renkonti necesajn personojn por futura dumsemajna kunlaboro. Certe, dum la foiro renkontiĝas malnovaj geamikoj. De diversaj flankoj de vastega ejo sur la unua etaĝo de “Harpa” aŭdeblas laŭtaj ĝojkrioj de salutantoj, videblas interbrakumantaj gesamideanoj… Homoj tumultas, moviĝas preter tabloj kun surŝildetaj nomoj de multnombraj asocioj grandaj kaj malgrandaj: landaj asocioj, fakaj asocioj, kulturaj centroj, eldonejoj, edukaj instancoj kaj multaj aliaj. Vere, ĉe la Movada Foiro eblas ricevi impreson pri la vasteco kaj vario de nia movado!

Amike, sur la saman tablon, dismetis siajn E-aĵojn, naciajn tradiciajn suvenirojn kaj frandaĵojn rusiaj kaj ukrainiaj esperantistoj. Fratoj-slavoj, najbaroj ja! La loko sufiĉas por ĉiuj. Preteriras kelkaj konatoj el Belgio, Italio, Finnlando, Pollando, Latvio, salutante, ridetante amike, venante por iom babili… Karaj miaj samlandanoj, Alekseo Borodin kaj Galina Belenjuk! Ni triope reprezentas ĉi tie Krasnodaran teritorion. Nin oni fotas por memoro. Ĉe la rusia tablo haltas samlandaninoj, kiuj ĉi-foje iris Rejkjavikon memstare. Ni ege ĝojas vidi unu la alian post du jaroj: ni kune karavanis en 2011. Brakumado, interkisado!.. La etoso de la unua kongresa aranĝo estas neforgesebla!

Solena Inaŭguro okazas matene la sekvan tagon. La Estraro de UEA sidas sur la scenejo ĉe longa tablo. Kelkajn ni jam ne vidos ĉe la sama tablo dum Solena Fermo post unu semajno, ĉar okazis reelekto dum ĉi tiu UK. Tre emocia momento: la Kongreson alparolas Prezidento de Islando, Ólafur Ragnar Grímsson, kiu estas la Alta Protektanto de UK. Ĉeestas gravaj personoj – gvidantoj de la ŝtato, ambasadoroj de kelkaj landoj. Tiu fakto ege inspiras ĉiujn kongresanojn. Starante, ni emocie kantas “La Esperon”. La Solena Inaŭguro finiĝas. La Kongreso sekvas sian temon: “Insuloj sen izoliĝo: por justa komunikado inter lingvo-komunumoj”.

La tuta kongresa semajno estas tiom interesa kaj streĉa! Funkcias Libroservo de UEA… Laŭ programo okazas prelegoj pri Islando: pri frua islanda historio; norda koloniado de Gronlando; naturmedio kaj naturmediaj ŝanĝoj en Islando; malnova islanda literaturo; islanda kulturo vidata de eksterlandano. Kio estas por mi interesa: la laste menciitan prelegon faris finna esperantistino Siru Laine, kiu ankaŭ gvidis kurson “La islanda eksprese”, ĉar profesie posedas la lingvon (tradicie, dum UK-oj oni nepre ekspresinstruas lokan lingvon). Multis lingvaj kursoj kaj ekzamenoj. Tre serioze rilatis miaj konatoj-amikoj tiujn aranĝojn, nervumis, kvazaŭ lernejanoj, antaŭ paroliga ekzameno. Eblis konatiĝi kun la historio de Esperanto dum kvinlekcia kurso de Aleksander Korĵenkov. Grandan intereson de kongresanoj elvokis esperantologia konferenco, oratora konkurso (mia nova amiko, Konrad Andrzejuk el Bjalistoko, gajnis ĝin, interalie!), Internacia Kongresa Uni-

versitato, kongresa aŭkcio kaj multaj aliaj aranĝoj. Vasta estis la listo de kongresaj artaj aranĝoj: nacia Islanda vespero, prelegoj, koncertoj, teatraĵoj, filmoj…

Bedaŭrinde, ĉi-foje mi ne sukcesis partopreni Internacian Koruson pro banalaj malfruoj al provludoj. Kun ĝojo mi rimarkis Jekaterina Maliŝeva inter la kantantaj korusanoj! Mi vizitis 3 necesajn provludojn por Internacia Arta Vespero, oni min elektis por partopreno en ĝi. La 26-an de julio, en la naskiĝtago de Esperanto, okazis tiu evento – por mi ĝi estas la plej ŝatata aranĝo de UK-oj, ĉar amatoraj ordinaraj kongresanoj (kiel mi) rajtas kanti, danci, muziki, deklami en ĝi. Dum preparîĝo, provludoj, amatoraj artistoj el diversaj landoj iĝas veraj amikoj, ĉar ili kunlaboras, subtenas unu la alian, helpas, eĉ kuracas… Tiuj seriozaj provludoj forte unuigis nin, la amatorojn-kongresanojn, venintaj el Francio, Rusio, Brazilo, Pollando, Koreio, Nepalo, Irano, Litovio, Japanio… Ni amikiĝis, interŝanĝis adresojn. Nun ni jam aktive korespondas, retumas.

Bone, ke en Islando estis arkta tago! La suno subiris ĉirkaŭ 23:30 kaj leviĝis je la 3-a horo. Post preskaŭ ĉiu kongresa labortago nia vojaĝgrupeto de proksimaj amikoj nerapide promenis laŭ diversaj stratoj de la gastama Rejkjaviko. La plej plaĉa vojo estis laŭ la bordo de Rejkjavika golfo, kun nepra halto ĉe la sunveturila skulptaĵo. En la mondo tiu metala artverko estas konata kiel “Vikinga Ŝipeto”, unu el la plej famaj simboloj de la islanda ĉefurbo. Ho, ni fotis ĝin multfoje, sed ĉiam ĝi aspektis diverse! En nia hotelo loĝis ankaŭ alilandaj kongresanoj. Vespere ni teumadis kaj pridiskutis eventojn, interŝanĝis impresojn. Krome, el aliaj hotelojgastejoj vizitis nin amikoj. Neforgeseblaj momentoj de Esperanto-etoso! Dum komunaj vespermanĝoj ni pridiskutis la eventojn de la pasinta tago, fotis por memoro. La komunaj aranĝoj estis tiom amikaj kaj animaj! Vere, per Esperanto renkontiĝas “ne francoj kun angloj, ne rusoj kun poloj, sed homoj kun homoj”…

Kvankam en Rejkjaviko kunvenis 1034 kongresanoj el 55 landoj, ŝajnis, ke ili pli multis. Ĉie aŭdeblis kaj videblis esperantistoj, portintaj UK-ŝildetojn, flagetojn. Ili kvazaŭ invadis la landon! Eblis renkonti dum diversaj ekskursoj, tute neatendite, aŭ personojn Esperante parolantajn, aŭ iliajn spurojn. Ekzemple, dum ekskurso al Blua Laguno mi ege miris, trovinte en mia persona vesto-ŝranketo UK-ŝildeton de norvegia samideanino. Certe, mi kunprenis la perditaĵon por transdoni al la UK-registrejo. Neniam mi vidis tiun personon, nur la spuron...

Rapide traflugis la kongresa semajno, plen-plena de eventoj… Belan Esperanto-Tagon, la 26-an de julio, kronis koncerto de Internacia Arta Vespero. Fine, ĉiuj amatoraj aktoroj, partoprenintoj de tiu emocia festo de amikeco, supreniris la scenejon. Ili prenis manojn unu de la alia kaj dancis kun akompano de la plej juna aktoro, 13-jara pianisto el Hungario!

Solena fermo de UK-98. Jes, ĉe la sama longa tablo sidas la nova UEA-Estraro. D-ro Mark Fettes, la novelektita Prezidanto de UEA, bele kaj certece alparolis la kongresanojn, demonstrante perfektan Esperanton, esprimante freŝajn ideojn. En la mondon venis nova sento? Sonas “La Espero”… Post unu jaro UK-99 okazos en Buenos Aires, Argentino. Tradicie la UK-flago estis transdonita al reprezentanto de ĝia esperantistaro. Ĉiu kongresano povis adiaŭi la novelektitan gvidantaron, manpremante dum malsupreniro laŭ la ĉefa larĝa ŝtuparo. Mi vidis proksime la okulojn

de Mark Fettes, premante lian manon kaj dezirante sukcesan agadon. La Prezidanto nervumis, iom puŝetis mian manon... Sed li startigis ja tute novan tradicion...

Dum la dua, postkongresa semajno la tuta grupo loĝis en unu gastejo. Estis pli komfortaj kondiĉoj. La loĝloko situis pli proksime al la centro de Rejkjaviko, ankaŭ al la tiel ŝatata de ni bordo de la golfo. Ni kunis, pli multe pasigis kune la ĉiutagan tempon, buse ekskursis je pli malproksimaj distancoj de la islanda ĉefurbo. Svetlana Smetanina meritas apartan dankon pro sia talento anticipe trovi vere normalajn ĉiĉeronojn kaj interkonsenti pri ekskursoj. Mi rememoras pri Tatjana (Kopenhago), Nada (Venecio), Jana (Romo), Valda (Erice)... Ili estas neforgeseble amikemaj, inteligentaj, interesaj, bele parolantaj profesiuloj aŭ lokanoj-esperantistoj el Pasporta Servo. Ĉi-foje kvin ekskursojn dum du semajnoj gvidis Galina, ege simpatia rusdevena sinjorino. Ni multon vidis, aŭdis, spektis, fotis, ricevis interesajn informojn de ŝi. Nerimarkite, Galina iĝis nia kara amikino, kvazaŭ nia samgrupano. Mi tute ne miris, kiam ekvidis nian ĉiĉeroninon vespere, post la dumtaga ekskurso, en nia manĝejo, – ĉar naskiĝtagulo Emilj ŝin invitis al la festeno. Bele, kore pasigis la grupo tiujn kelkajn horojn. Improviza koncerto, dum kiu ni kantis, muzikis, deklamis, dancis, skeĉis, vere estis surprizodonaco al la jubileulo. Ankaŭ Galina kunkoncertis. Nia esperantista grupo kune piedpromenis tra la urbo, en la vasta subĉiela Etnografia muzeo. Ni vidis sufiĉe multe, veturante laŭ la tiel nomataj Arĝenta Ringo (nord-okcidenten) kaj Ora Ringo (sud-orienten).



La vetero favoris. Ni ĝuis agrablegajn promenojn en montaron, al akvofaloj, al valo de gejseroj plej ofte sub la varma julia suno de Islando. La aera temperaturo +15ºC ne malhelpis nin naĝi en termika lago, Blua Laguno, kies temperaturo konstante estas inter +37ºC kaj +39ºC. Komuna agado diversspeca ĉiam unuigas homojn. Do, ni, unuigitaj per Esperanto, kune naĝis, ĝojis, plezuriĝis, eĉ respondis intervjuo-demandojn de Alekseo Borodin, estante en la vaporiĝanta laguna akvo. Riskis la filminto, alportinte sian videokameraon akven, fantaziis la intervjuitoj.

Ankaŭ kune ni surŝipiĝis iun tagon por navigi malproksimen al fjordo de balenoj. Dum 3,5 horoj ekskursanoj unue serĉis tiujn ĉarmajn grandegulojn, poste observis ilin. Balenoj kutimas momente aperi por enspiri kaj tuj subakviĝi. Kaj mi unue imagis la bildon el mia infana libro pri doktoro Ajbolit (Ajdoloro) sur grandega baleno. Kaj alta fontano supre en aero… Ne… Nia observgrupo rimarkis

kaj iom spektis blankbekan delfenon (lagenorhynchus albirostris), kiu estas 2,5-3 metrojn longa, kun maso 180-350 kg. Vera sukceso estis malmulte observi nanan balenopteron (balaenoptera acutorostrata), 7-11-metran, kun maso 8-9 tunoj! (Mi referencas faktojn el turista libreto.) Dum revena vojo nia ŝipeto alproksimiĝis insuleton, kie kutime nestas fraterkuloj (ankaŭ islanda simbolo). Sed eĉ unu tiun birdon ni ne vidis krom ordinarajn marmevojn. Iom poste, sur la suda bordo de la Atlantiko ni spektis fiŝkaptantajn kaj sidantajn en nestoj blank-nigrajn kun oranĝ-grizaj bekoj fraterkulojn.



Multon mi ankoraŭ povas rakonti pri diversaj observoj de la mistera malproksima insula vivo. Gejsero Strokkur, kies erupcion ni feliĉe nelonge atendadis dum nia ekskurso al valo de gejseroj… Vidu, ĝi plej ofte eligas altan bolantan (80-100ºC) akvan fontanon post 10-15 minutoj. Ni, feliĉuloj, observis 2-metran truon en la tero, starante je sekura distanco de ĝi, dum la vaporanta akvo spiris balanciĝante, prepariĝante, nur dum 3-4 minutoj. Strokkur havis sian stelan horon por ni, esperantistoj! Observis nia grupo faman vulkanon Eyjafjallajökull, estis apude. Amike kaj pace ekzistas nun tiu fenomeno de la naturo. Hallgrímskirkja, moderna preĝejo 27-jara, konstruita en la formo de vulkano erupcianta. Ĝia 15-tuna orgeno sonas-"erupcias" dum ĉiusomeraj orgen-festivaloj. Mi kun miaj plej proksimaj amikoj hazarde sukcesis ĉeesti provludon publikan. Ni rajtis sidi kaj spekti-aŭskulti la misteran prepariĝon. Sekvatage la amikoj, bedaŭrinde, forveturis. Mi sen ili ĝuis la koncerton por poste detale rakonti pri ĝi, montri la broŝuron-programon de la muzika miraklo. Ĝis nun en mia animo sonas bela soprano de juna islanda opera kantistino, kantado de vira koruso… Kaj forta, tenera, torenta paletro, nur muzika, de la orgeno!

Mi adiaŭas Rejkjavikon, suprenveturante la altan turon de Hallgrímskirkja per lifto. Por vidi ĝin desupre lastan fojon. Por rememori la belan pacan etan ĉefurbon de la eta bela lando, kiu gastame akceptis la 98-an UK-on.

***Marina Kocarj (Krasnodar)***

# REKOMENDO DE LA AKADEMIO DE ESPERANTO PRI LA UZO DE PROPRAJ NOMOJ

***OFICIALAJ INFORMOJ, Numero 22 – 2013 10 10***

## ENKONDUKO

**1.1.** Ekzistas kaj estas praktike uzataj la jenaj tri sistemoj por trakti la proprajn nomojn en Esperanto:

a) Plena esperantigo, jam tradicie uzata por multaj gravaj geografiaj nomoj (ekzemple *Afriko, Nov-Jorko, Bulonjo-ĉe-Maro, Rejno, Himalajo*) kaj por historie gravaj personoj (ekzemple *Konfuceo, Julio Cezaro, Ŝekspiro*). Plene esperantigitan propran nomon karakterizas kelkaj nepraj trajtoj:

1) Ĝia parola formo uzas nur la 28 Esperantajn sonojn, kiuj en ĝia skriba formo estas reprezentataj de la respektivaj Esperantaj literoj;

2) La nomo havas la finaĵon[1] "-o" (kio estas nepra por ĉiuj Esperantaj substantivoj)[2].

3) Ĉe elparolo de la nomo oni sekvas la akcentajn regulojn de Esperanto.

Krome, en plenaj esperantigoj oni emas eviti sonkombinojn nekutimajn por Esperanto.

b) Parta esperantigo, kiun karakterizas la uzado de Esperantaj literoj prononcataj laŭ la reguloj de Esperanto, sed eventuale kun alia akcentado ol en Esperanta vorto (ekzemple *Zamenhof*, *Gamal Abdel Naser* kaj *Ban Ki-mun*).

c) Uzo de la originala skribo de la propra nomo (tradicie uzata nur se la originala nomo estas skribata per latinalfabetaj literoj, ekzemple *Kálmán Kalocsay*) aŭ iu plimalpli akceptita sistemeca latinliterigo de la propraj nomoj, originale skribataj per alia skribosistemo (ekzemple ĉinaj propraj nomoj en pinjina transskribo, kiel *Dèng Xiăopíng*).

**1.2.** Aldone, esperantigo (ĉu plena aŭ parta) povas en tri malsamaj manieroj baziĝi sur alilingvaj versioj[3] de la nomo:

a) Ĝi povas baziĝi sur la origina prononco de la nomo, ekzemple *Ŝekspiro* kaj *Budapeŝto*.

b) Ĝi povas baziĝi sur la origina skribo de la nomo, ekzemple *Londono* kaj *Freŭdo*.

---

[1] Notu ke kiam finaĵo aldoniĝas al iu vortobazo en Esperanto, tiu vortobazo ĉiam devas havi almenaŭ unu silabon. Tial, ekzemple, oni konsideru la nomon Bo ne plena esperantigo, sed nur parta esperantigo.

[2] Ĉi tiu regulo ne validas por citaĵecaj nomoj, ekzemple la nomo de la komedio *Kiel plaĉas al vi* de Ŝekspiro. Sub ĉi tiun fenomenon de citaĵecaj nomoj oni ankaŭ klasigu la uzon de nesubstantivaj Esperantaj vortoj kiel propraj nomoj, ekzemple la nomojn *Amplifiki* kaj *Kore* de Esperantaj muzikgrupoj. Tiaj citaĵecaj nomoj eĉ povas enteni skribsignojn kutime ne renkontatajn ene de vortoj; ekzemplo estas la krisigno en la nomo *lernu!*.

[3] La esperantigo povas baziĝi ne nur sur la origina lingvo de la nomo aŭ (ĉe geografiaj nomoj) sur la lingvo parolata en la nomata loko, sed sur diverslingvaj formoj: ekzemple, la Esperanta nomo *Kopenhago* de la dana ĉefurbo baziĝas ne sur ĝia dana nomo *København* [kebmháŭn], sed sur ĝiaj nomoj en multaj aliaj eŭropaj lingvoj.

c) Ĝi povas baziĝi sur la origina signifo de la nomo, ekzemple *Nigra Maro* kaj *Bonaero*.
Ofte estas uzata kompromiso inter du aŭ tri el ĉi tiuj esperantigo-manieroj, ekzemple *Alzaco* (bazita sur originaj skribo kaj prononco), *Santiago de Ĉilio* (bazita sur originaj skribo kaj signifo) kaj *Nov-Jorko* (bazita sur originaj signifo kaj prononco).

**LA AKADEMIO KONSTATAS, KE:**

**2.1.** Ĉiu el la tri sistemoj menciitaj sub 1.1 havas siajn proprajn relativajn avantaĝojn kaj malavantaĝojn:

a) Plena esperantigo pli bone konformas al la spirito de la lingvo, estas facile uzebla parole, ebligas tujan kaj klaran derivadon kaj estas egale oportuna rilate al ĉiuj lingvoj kaj skribosistemoj. Tamen ĝi povas malfaciligi la rekonon de la esperantigita propra nomo; krome, ne ĉiam estas facile elekti la plej taŭgan plene Esperantan formon (ofte pri tio decidas nur la lingva tradicio).

b) Parta esperantigo ebligas facilan legon kaj elparolon de la nomo (se ne atenti pri la akcento, kies pozicio estas neniel indikita), sed manko de la Esperanta finaĵo ne ebligas al la propra nomo iĝi normala Esperanta vorto. Ĉi tiu sistemo estas uzata precipe por la lingvoj kaj skribosistemoj, kiuj uzas alfabeton alian, ol la latinan (kaj ties variaĵojn).

c) Uzo de la originalaj latinliteraj propraj nomoj ofte (sed ne ĉiam) ebligas facilan rekonon de la koncerna vorto en la skriba formo (precipe por tiuj, kies gepatra lingvo uzas variaĵon de la latina alfabeto), sed malebligas facilan derivadon kaj povas kaŭzi multajn problemojn kaj miskomprenojn ĉe la bezono pri ĝia parola uzo.

**2.2.** Pro la supre prezentitaj konsideroj nun ne eblas rekomendi unu solan ĉiam uzindan manieron trakti diversajn proprajn nomojn en Esperanto.

**LA AKADEMIO REKOMENDAS:**

**3.1.** Elektante kaj uzante iun el la prezentitaj sistemoj (depende de la bezonataj celoj en diversaj situacioj) oni ĉiam konsideru kaj pesu la eventualajn avantaĝojn kaj malavantaĝojn, kiujn povas kaŭzi la uzo de ĉiu sistemo en ĉiu konkreta okazo.

**3.2.** Indas plu flegi kaj subteni la kutimon plene esperantigi ofte uzatajn proprajn nomojn, precipe kiam temas pri:

a) Ofte bezonataj kaj menciataj aferoj (ekzemple la komputil-rilataj nomoj *Vindozo, Linukso, Guglo*).

b) La propraj nomoj vaste konataj (ekzemple grandaj urboj aŭ aliaj geografiaĵoj; nomoj de eminentaj historiaj personoj, ekzemple *Komenio, Voltero, Ejnŝtejno, Baĥo*) aŭ ĉiuj ajn nomoj, por kiuj oni bezonas la eblon de facila derivado (ĉefe en scienco, ekzemple *Galvano* – galvanismo, *Koŝio* – koŝia vico).

c) La propraj nomoj ofte ripetataj en iu sama teksto (ekzemple la nomo de la ĉefobjekto en iu granda informa teksto aŭ la nomoj de la ĉefaj personoj de iu beletra verko; ekzemple *sinjoro Tadeo*).

**3.3.** Dum mankas ĝenerale akceptitaj principoj pri esperantigo de diverslingvaj propraj nomoj, ĉe eventuala esperantigo estas rekomendate sekvi la modelojn de la jam tradiciiĝintaj ekzemploj: interalie, ne ĉiam sufiĉas rekte transskribi la originalan elparolon per la Esperantaj literoj, aŭ simple kopii la skriban formon aldonante al ĝi la finaĵon "-o"; necesas zorgi, ke la rezulto estu ekvilibra rilate la prononcon, skribon, kaj laŭeble facilan rekoneblon. Traduki nomojn aŭ nompartojn eblas en ĉiuj okazoj, kiam la nomo aŭ nomparto havas travideblan signifon en sia origina formo; tamen tia tradukado estas klare preferinda al prononca-skriba adapto nur kiam temas pri nomoj, kies diverslingvaj versioj similas inter si pli laŭ la signifo ol laŭ la prononco kaj skribo (kiel ĉe *Nigra Maro*).

**3.4.** Krome, oni konsideru la fonetikajn apartaĵojn de Esperanto: la esperantigo ne entenu silabe elparolendajn konsonantojn (kiel la "r" en *Brno*[1]), kaj prefere oni evitu nekutimajn sonkombinojn, precipe se por multaj Esperanto-parolantoj estas malfacile prononce distingi ilin de iuj pli kutimaj sonkombinoj (kiel la "rŭ" en *Rŭando*[2] aŭ la "ngk" en *Hongkongo*[3], kiujn multaj prononcus same kiel "ru" kaj "nk").

**3.5.** Kiam temas pri relative novaj aŭ malmulte konataj esperantigoj (tamen nepre bezonataj en iu konkreta okazo pro la supre prezentitaj konsideroj), oni laŭeble menciu la originalan formon de la nomo parenteze aŭ piednote por eviti miskomprenon.

**3.6.** La neesperantigitajn proprajn nomojn laŭeble akompanu prononc-indiko konforma al la jenaj postuloj:

a) La prononc-indiko estu prezentita tuj ĉe la unua apero de la propra nomo inter rektaj aŭ rondaj krampoj per minusklaj literoj.

b) La prononc-indiko principe uzu nur la Esperantajn literojn (en la okazo de manko de ĝusta Esperanta sono responda al la alilingva oni prezentu la plej proksiman Esperantan sonon, eĉ se tiel oni nur proksimume transdonas la originalan prononcon kaj perdas iujn informojn).

c) Por indiki la akcenton oni prefere uzu la dekstran tipografian kornon super la akcentata vokalo (tio estas la modelo prezentita en la Fundamento), ekzemple [gastón varengjén]; en la okazoj, kiam ĝia uzo prezentas malfacilaĵon, oni prezentu la akcentatan vokalon majuskle (ekzemple [gastOn varengjEn]).

**Rimarko 3.6.1.** Kiam tio povas esti utila, precipe en fakaj aŭ enciklopediecaj tekstoj, oni povas libere prezenti diverslingvajn proprajn nomojn ankaŭ en la origina formo, eĉ se ili uzas nelatinliteran skribon. Okaze de nelatinlitera skribo estas tamen dezirinde provizi ilin ankaŭ per latinlitera formo (plene aŭ parte esperantigita) aŭ per prononc-indiko.

**Rimarko 3.6.2.** En specialaj okazoj, kiam la prezento de ĝusta prononco estas

---

[1] Preferinda povus esti la formo *Bruno* laŭ la germana kaj latina nomoj de tiu urbo (temas pri la dua plej granda urbo de Ĉeĥujo).

[2] Preferinda estas la formo *Ruando* (temas pri la afrika ŝtato).

[3] Preferinda estas la formo *Honkongo* (temas pri speciala administra parto de Ĉinujo).

aparte grava, oni povas prezenti ankaŭ aliformajn prononc-indikojn (ekzemple per la uzo de la Internacia Fonetika Alfabeto aŭ iuj aldonaj tipografiaj signoj kaj rimedoj), tamen oni konsciu, ke la sola sistemo egale komprenebla por ĉiuj esperantistoj estas la uzo de la Esperantaj literoj.

**3.7.** Ĉiu esperantisto povas mem decidi kiuforme uzi sian nomon en la Esperanta medio. Sed oni konsciu, ke formo, kiu ne estas almenaŭ parte esperantigita, ĉiam estos konsiderata kiel fremdaĵo en Esperanta teksto kaj povas esti misprononcita aŭ iel misformita okaze de kopiado aŭ alia reuzo de tiu nomo.

**4.** *Ĉi tiu rekomendo plene anstataŭas la antaŭajn* Rekomendojn pri propraj nomoj *de la Akademio de Esperanto de la jaro 1989 (el la Aktoj de la Akademio III, 1975 – 1991, Oficiala Bulteno de la Akademio de Esperanto, n-ro 11). Tiuj antaŭaj rekomendoj do perdas sian statuson de validaj rekomendoj de la Akademio de Esperanto.*

**-----------------------------------------------------------------------**

**Kromdeklaro pri la nomoj *Zamenhof* kaj *Vaŝington***

La Akademio de Esperanto, lige kun sia esploro pri la skribado de diversgrade esperantigitaj propraj nomoj, rekonsideris rimarkon IV en la Oka Oficiala Aldono al la Universala Vortaro. La rimarko aperis en sekcio I(B) de la Aldono:

"**B) 2 propraj nomoj**

Paŭl/o

Zamenhof

**RIM. IV.** La nomo *Zamenhof* komence estis uzata kun apostrofo (ekzemple en la "Unua Libro"); en la Fundamento (fine de la Antaŭparolo) ĝi aperas sen apostrofo, tiel same kiel la virnomo *Vaŝington* (12, *19*). Dume oni trovas en la U.V., ĉe *an/*, la urbonomon *Nov-Jork* sen apostrofo, sed en la ekzercaro (37, L. 1) troviĝas *Nov-Jorko*, kie ne povas temi pri preseraro. Fakte temas pri neesprimita licenco al la 16a Regulo pri apostrofado de substantivoj, licenco, laŭ kiu ĉe propraj nomoj povas esti forlasata ne nur la finaĵo de l' substantivo, sed ankaŭ la apostrofo mem." (Fonto: *Aktoj de la Akademio II, 1968-1974*, p. 12.)

La Akademio ĉi-pere nuligas tiun licencan interpreton de la apero de senapostrofaj *Zamenhof* kaj *Vaŝington* en la Fundamento kaj konstatas, ke tiuj nomformoj estas rigardendaj kiel nur parte esperantigitaj.

---

*La estraro de la Akademio de Esperanto kaj la direktoro de la Sekcio pri Prononco:* Christer Kiselman, prezidanto; Brian Moon, vicprezidanto; Probal Dasgupta, vicprezidanto kaj direktoro de la Sekcio pri Prononco; Renato Corsetti, sekretario.

## "REVA VOJAĜO"



Ĉiam ĝis tiu ĉi jaro mi ĝuis longajn somerajn tagojn, sciante, ke mi havos du aŭ tri monatojn da libera tempo, plenigeblajn je miaj ŝatataj okupoj, je promenoj subsune kaj je dolĉa dormo sen antaŭsenti la sonoron de vekhorloĝo. Sed ĉi-printempe la aksioma regulo destiniĝis al rompiĝo – mi kuraĝe aliĝis al la unua en mia vivo IJK. Kial kuraĝe? Eble ĉar Israelo dumlonge ravis min en miaj revoj, kaj eble ĉar mi ne havis sufiĉe da mono por tiu malproksima vojo. Plenkore strebante kaj al Esperantujo kaj al la Sankta Tero, dum la tuta somero mi frue vekiĝis, iris al laborejo kaj "senkveĉe"[1] akceptis malfacilaĵojn de tia vivo. Sukcese mi perlaboris monon, kaj Israelo iĝis pli atingebla… Do, la tuta somero akumuliĝis por mi en unu mirinda vojaĝo. Kaj, kompreneble, miaj impresoj pri ĝi ne povas esti senkoloriĝintaj. Ja ankaŭ mi akumulis min plene por ĝojakcepti ĉiun peceton de la somero.

Feliĉante pri la plej agrabla kompanio en la persono de Mirina (Irina Gonĉarova), mi travivis la flugon, kaj ekde nia alteriĝo en la flughaveno Ben-Gurion tuj komenciĝis Israelo. Aŭ eĉ Palestino. Malkutimis por ni la tel-avivaj +35 post la moskvaj +15, la okulojn rompumis la hebrea alfabeto, strange aspektis bulvardoj kaj stratoj. Malkutimis multo, pro tio mi ne ĉesis miri ĉiutage ĝis la fino de nia vojaĝo.

Ni alvenis la 15-an de aŭgusto kaj devis atingi niajn gastigantojn en Tel-Aviv. Kaj tiu unua ŝtupo estis la plej malfacila. Komence ni ne sciis, kien iri de la trajno, kiu alportis nin de la flughaveno, poste evidentiĝis, ke ĉe ni ne sufiĉas sikloj por la buso. Sed ĉie kaj ĉiam helpis al ni lokaj homoj, kiuj amikece klarigis al ni la vojon (kompreneble, en la angla!) kaj kune solvis niajn problemojn. Tiel rompiĝas stereotipo pri tio, ke en Israelo ĉiam estas nur milito, ĉe ĉiu angulo gvatas danĝer' kaj ke homoj estas malagrablaj aŭ krimuloj.

La saman tagon ni iris memstare promeni en la centro de Tel-Aviv. Ni vizitis la Halon de Sendependeco, kie en 1948 estis establita la Israela ŝtato, poste ni sencele, kontemplante, promenis laŭ la Rotŝild-bulvardo kaj trovis pitoreskan flavmuran kvartalon, forlasinte malantaŭ la dorsoj Bauhaus-konstruaĵojn – ĉar la interesecon de tiu ĉi stilo ni ne komprenis.

Posttagmeze komenciĝis la ĉefa programo de la antaŭkongreso. Bedaŭrinde, ne por ni. Ĝustatempe alveninte la lokon de la renkontiĝo ni maltrafis la "paŝtiston"-

---

[1] ***kvetch*** – en la jida lingvo "senĉese plendi pri io ajn"

grupgvidanton pro ies malfruo aŭ iuj aliaj obstakloj kaj iĝis perdiĝintaj ŝafoj. Por ni du la antaŭkongreso komenciĝis la sekvan tagon. Kaj kiom granda estis nia ĝojo kuniĝi kun esperantistoj kaj interŝanĝi la unuajn impresojn pri Israelo! Kaj uzado de la lingvo internacia en tiu multfaceta lando donis al ĉiuj ekskursoj apartan etoson.

Kiel estas konate, la regiono de Palestino estas lulilo de la homaro. Ĉi tie estis inventita la unua alfabeto – nome la fenica, kaj tute proksime – en Babelo – la homaro estis kondamnita al eterna diferenciĝo laŭ lingvoj kaj dialektoj. Eble estas iom simbole, ke esperantistoj el pluraj landoj (Italio, Francio, Ĉinio, Rusio, Vjetnamio, Brazilo, Danio k.a.) marŝadis sub la verda flago, ĝuantaj la komunan lingvon.

Se paroli pri la programo de la antaŭkongreso, ĝi estis tre densa. La 16-an de aŭgusto ni veturis de Tel-Avivo al ĉarma religia urbo Bnej-Brak. Estis ŝabato, kaj por eniri la urbeton ĉiuj devis esti vestitaj iom pli dece, ol kutime. Sur la stratoj videblis nure ortodoksaj judoj kaj iliaj familioj, do, oni foje riproĉis nian grupon pro la manko de manikoj aŭ krurumoj ĉe la vestaĵoj. Escepte agrable estis viziti la ortodoksan familion kaj vidi el-ene kiel ili vivas.

La 17-an okazis ekskursoj en Ĥajfo, ni vizitis la Bahaan centron, kelkajn vidindaĵojn de la urbo, kiuj verŝajne impresus nin pli multe, se la vetero ne estus tiom varmega. Survoje al Ĥajfo ni vizitis la muzeon de mekanikaj muzikiloj, en kiu nin ravis la rakonto de ĝia tenanto, kiu dum pli ol 50 jaroj kolektas kaj konstruas muzik-skatolojn.





Ĉiuj vojoj tamen venigas al Jerusalemo, al la ĉefurbo, kiu estas unu el la plej aĝaj hodiaŭaj ĉefurboj. Do la lastajn du tagojn ni pasigis tie. Sub la gvido de Amri Wandel ni absorbis la komplikan kultur-historian kuntekston de sanktaj lokoj, ni kuregis tra senfina araba bazaro, vidis la kumranajn manuskriptojn, eĉ paŝis sub-grunde en la akvo laŭ la akvuma vojo.

Resume, laŭ miaj impresoj, Israelo, kiun ni vidis dum la antaŭkongreso, estas:

– Multlingva. Oni povas aŭdi la hebrean, la araban, la anglan, la rusan, la francan lingvojn, kaj foje oni aŭdis de ni Esperanton kaj mem interesiĝis pri ĝi.

– Multreligia. Ni vidis la reprezentaĵojn de judismo, de kristanismo, de islamo, de bahaismo, de ahmedismo.

– Diversnacia. Judoj, samkiel esperantistoj, venas ja de diversaj landoj kaj kontinentoj.

Kaj nun – pri la Kongreso mem. Ĝi daŭris de la 19-a ĝis la 26-a de aŭgusto ĉe l' rando de la urbo Nazareto. El la oficiala statistiko – partoprenis 80 personoj el 17 landoj, kaj la plej juna partoprenanto de IJK aĝis 1.5 jarojn. La plej grandaj grupoj estis el: Israelo (27), Rusio (10), Brazilo (6) kaj Pollando (6).

En la retpaĝaro de IJK-69 estis anoncita ĝia moto – "Dum la IJK povas okazi io ajn!", kaj la vortoj materiiĝis en multaj faktoj. Ekzemple, lastmomente la kongresejo ŝanĝiĝis al lernejo rande de Nazareto. Tamen la organizantoj rapide rearanĝis la novan lokon kaj preparis ĉion bezonatan por kongresanoj. Kaj feliĉe ĉiuj alvenis ĝustaloken.

Sed inter la plej popularaj frazoj de ĉi IJK estis ankoraŭ kelkaj aliaj. Unu el ili – skribaĵo, pendigita sur muro – estigis ĝis la fino de la Kongreso ardajn disputojn pri la gramatiko: ĉu necesus skribi "Lasu necesejon puraN!" aŭ "Lasu necesejon

pura!”. La plimulto subtenis la duan varianton, sed ankaŭ ĝin oni povas dusencigi. Ankaŭ aktualis por la israela klimato la demando, pendigita sur multaj muroj – “Ĉu vi trinkis akvon hodiaŭ?” Alia tre populara slogano – elpensita de ĉina esperantisto, kiun oni nomis Urso, – “Ne perdu la fokuson!” – kuraĝigis la ludantojn de “homlupoj” kaj iĝis populara bondeziro. Krome, mian atenton speciale kaptis la vorto, kiun nia kara (ne nur pro la ruseska nomo!) Ivan el Kolumbio kaj la brazilanoj prononcis ege gustoplene, kun amuzaj latinamerikaj akĉento kaj intonacio. Proksimume tiel: “Bon’e-ege”. Tiu vorto ĉiam ŝajnis al mi tro banala, sed la brazileca “Bon’e-ege” iĝis mia plej ŝatata respondo al ĉiu bona ideo.

Ĝenerale la programo de IJK konsistis el kelkaj grandaj partoj. Mi rakontu pri la programeroj, kiujn mi partoprenis:

1) Lingvaj kaj kulturaj programeroj. Estis prelegoj pri tri lingvoj – pri la ĉina, pri la hebrea kaj pri Globish. Mi kun Mirina organizis por ĉiuj lingvemuloj la ludon “Ĉapelo”, tre popularan nun en Moskvo. Ankaŭ ĉiutage matene pasis kursoj de Esperanto por komencantoj (fare de Arina Osipova) kaj por progresantoj (fare de Szilva Szabolcs). Mirinde tre interesa kaj bunta estis Kultur-Lingva Festivalo, dum kiu oni vere povis konatiĝi kun kulturoj de aliaj landoj, ĉar estis malmulte da partoprenantoj kaj multe da longaj detalaj rakontoj ĉu pri tradiciaj vestaĵoj, ĉu pri ekzotikaj fruktoj, ĉu pri diversaj lokaj kutimoj aŭ lingvo de gestoj.



Diverseco de kulturoj sentiĝis ankaŭ en muziko, kiu sonis en la Kongreso. Dum la malfermo elpaŝis fama loka araba kantisto kun ĉarmaj kanzonoj. La sekvan tagon estis koncerto de JoMo, kiu denove dancigis kaj ĝojegigis ĉiujn. Dum nia ekskurso al ĉerkesa vilaĝo ni aŭskultis tradician ĉerkesan muzikon, kiu akompanis dancantajn junulojn. Krome, kiam Urso havis naskiĝtagon, ĉiuj partoprenantoj kantis la faman kanton-bondeziron por naskiĝtago en siaj gepatraj lingvoj. Fine de la kongreso Tali Wandel prezentis eŭritmian spektaklon kaj brazilanoj – mallongan ŝercan teatraĵon.

2) Prelegoj kaj diskutrondoj pri aktualaj temoj. La plej interesaj estis por mi la prelegoj de Dr. Michele Gazzola kaj Michael Boris Mandirola pri Lingvaj Ra-

jtoj. Michele Gazzola, kiu estas fakulo ĝuste pri tiu temo, rakontis pri la lingva situacio ene de Eŭropa Unio, klarigis, kial la angla ankoraŭ ne povas esti universala internacia lingvo, disponigis al la aŭskultantoj neatenditajn statistikojn pri la nivelo de posedo de la angla lingvo en diversaj civitanar-kategorioj en diversaj landoj kaj defiis esperantistaron batali (pace kaj klere) por lingva justeco en la mondo kaj per tio plivalorigi Esperanto-movadon.



Krome mi vizitis konversacian rondon kun lokaj esperantistoj pri la israela medio, sed vere mankis tempo por pli profunde trakti starigatajn demandojn.

3) <u>TEJO-kunsidoj kaj TEJO-trejnadoj.</u> Dum la kunsidoj de TEJO, kiujn mi vizitis kaj parte partoprenis, oni pridiskutis kelkajn gravajn agadkampojn de TEJO: organizado de IJK-oj, loka agado, renovigo de lingvopolitikaj pozicioj de TEJO, scienca kaj faka agado. Post pridiskutoj ĉiuj havindaj ŝanĝoj estis aldonitaj al la laborplano de TEJO por la jaro 2014, kaj estis elektita nova TEJO-estraro. Kaj dum TEJO-trejnadoj aktivuloj el diversaj lokaj E-organizoj konsciiĝis pri la agado de TEJO kaj po iom transprenis la sperton de TEJO-aktivuloj.

4) <u>Ekskursoj.</u> La organiza teamo sukcesis proponi al ni belegajn ekskursojn dum la Kongreso. Ni vidis nuptofeston en druza vilaĝo, malkovris por ni la vivon de nazareta vilaĝo je la tempo de Jesuo, piediris tra malnovaj fascinaj stratoj de Safedo, vizitis la moskeon en ĉerkesa vilaĝo kaj naĝis en sankta akvo de Jordano. Tamen eĉ spektado tra aŭtobusaj fenestroj survoje de loko al loko jam estis sufiĉe interesa konatiĝo kun la lando. La pejzaĝoj rapide ŝanĝiĝas: jen dezerto, jen ni rigardas de sur monteto, jen vastaj arbaroj, jen la blua Jam-Kineret (Galilea maro)… Ĝuste oni diras, ke Israelo estas la lando de pinoj kaj olivoj!

5) Pri <u>kontribuo de MASI</u> al IJK mi volus diri aparte. Fakte, ni sukcesis prezenti la plenan spektron de niaj aktivaĵoj kaj pridiskuti kun multaj esperantistoj la problemojn de funkciado de nia organizo (kiu fakte funkcias kun la samaj problemoj, kiujn havas ĉiu enmonda Esperanto-organizo). Mirina prelegis pri ŝia originala baza E-kurso “FaRo”, pri Moskva Esperanto-Asocio “MASI” kaj pri Moskva Lingva Festivalo. Mi tre kontentas pri tio, ke ni sukcesis elpaŝi el la ombro kaj klare kaj senhonte prezenti nian Asocion al eksterlandaj esperantistoj, kiuj, kompare kun la rusiaj, havas pli da emon interŝanĝi spertojn kaj sciojn pri loka E-agado, pridiskuti kaj provi kune korekti ĝiajn malfortaĵojn.

Krome, ni organizis fotadon por la projekto “Mia Vorto”, kiun partoprenis ĉirkaŭ 30 kongresanoj.

Do, la ĉefa trajto de IJK estis, laŭ mi, “diverseco kaj diferenceco”. Diversecaj estis la programo, la partoprenantaro, la manĝaĵoj, la ekskursoj. Kaj dank’ al tio la Kongreso tre sukcesis.

Reveninte al Moskvo la 28-an de aŭgusto kaj spektante freŝalŝutitajn fotojn, mi ne povis kredi, ke ĉio reale okazis al mi, kaj ke mi per miaj propraj okuloj havis okazon rigardi tiajn belaĵojn de la lando. Ĉu vere mi partoprenis la 69-an IJK-on kaj ĝuis ĉiun momenton de kunetosumado kun esperantistoj, aŭ ĉu mi nur revis? Eble ambaŭ variantoj – mi revis kaj sonĝis sen esti dormanta. Kaj restas atestoj pri mia inta 14-taga restado en Israelo – hirta pajla brazila ĉapelo, kiun Rafael donacis al mi, multaj belaj fotoj kun karaj homoj kaj karaj lokoj, kaj alkutimiĝo manĝi humuson[1] kun falafloj[2].

***Julija Samsonova, Moskva Esperanto-Asocio “MASI”***

## MIA PRELEGA TURNEO AL FRANCIO

**Antaŭ la turneo**

La historio de mia vojaĝo al Francio maje 2013 komenciĝis aŭguste 2012 en Jalta. Tie mi partoprenis en SAT-kongreso (kaj samtempe ripozis). Mi elpaŝis kun bildprelego pri laboro de Fervojista sindikato en Krasnojarska fervojo, kie mi laboras en ĉiusemajna ĵurnalo “Krasnojarskij ĵeleznodoroĵnik” (Krasnojarska fervojisto).

Mia prelego pri vivo kaj laboro en Transsiberia fervojo tre plaĉis al delegitoj el Eŭropo. Precipe bone mi konatiĝis kun Marcel Redoulez el la urbo Bordozo, kie estis okazonta Kongreso de IFEF – Internacia Fervojista Esperanto-Federacio. Septembre Marcel sendis al mi la invitilon partopreni en la kongreso kaj prelegi al la delegitoj, ĉar en IFEF-kongresoj neniam partoprenis kaj elpaŝis delegito de Rusio. Samtempe Marcel informis min, ke la landa asocio Espéranto-France proponas al mi post la kongreso prelegi en kelkaj francaj urboj al Esperanto-grupoj kaj neesperantistoj.

Mi kun ĝojo konsentis kaj dum 6 monatoj prepariĝis organize kaj morale, ĉar mi neniam prelegis en Francio kaj eĉ neniam estis tie. Certe, mi mem tre volis viziti Francion – partopreni en la kongreso kaj prelegi. Por tio mi eĉ prenis krediton en banko. Nun mi povas sendube diri, ke partopreno en IFEF-kongreso en Bordozo estis por mi la plej granda vivdonaco en la jaro de mia 50-jara jubileo. Franca fervojista Esperanto-federacio kaj, certe, Marcel Rodulez kaj lia edzino Claudine organizis mian viziton al Bordozo kaj vivo dum la kongreso perfekte! Mi 3-foje prelegis en Bordozo – en biblioteko Cenon, en sindikata oficejo kaj certe en la Kongreso la 9-an de majo. Mi akiris en la Kongreso multe da konatoj kaj geamikoj.

---

[1] *humuso* – tipa araba manĝaĵo, populara en Mez-Oriento, kaĉo aŭ saŭco, surbaze de kikeroj kaj citronsuko, preskaŭ ĉiam konsumata kun sezama pasto.

[2] *falafloj* – vegetara manĝaĵo kiu konsistas el frititaj buletoj de pistitaj kikeroj. Ĝi precipe estas manĝata en Hindio, Pakistano kaj Mez-Oriento.




**Prelegi tutfrancie**

En lasta tago de la Kongreso, vespere la 11-an de majo mi kun Claude Labetaa per lia auto venis al Périgueux kaj je 20.30 komencis mian prelegon. Venis proksimume 20 personoj. Kelkaj el ili estis neesperantistoj. Kiel mi vidis, la bildprelego pasis tre interese por aŭskultantoj, ĉar estis multe da demandoj kaj ni konversaciis ĝis la 22.30. Neniu foriris pli frue. Tre plezura rezulto por mi estis, kiam neesperantista paro diris, ke post la prelego pensos pri turisma vojaĝo al Siberio.

Mi loĝis en la Périgueux-regiono tri tagojn, noktumis ĉe diversaj geesperantistoj. Sed ĉiuj miaj karaj gemastroj estis amikemaj kaj perfektaj! Mi nun ne memoras la nomojn, sed mi tre-tre dankas ilin pro varma gastigo kaj tre interesaj ekskursoj. Precipe plaĉis al mi ekskurso al unika pentrarta Groto. Ankaŭ aliaj ekskursoj estis neforgeseblaj.

Poste mi per trajno sukcese atingis la stacion Port Chateau, kie sufiĉe forte pluvis, sed varma renkontiĝo kun la geedzoj Jean-Yves kaj Maryvonne Santerre donis al mi animan impulson kaj kun bona humoro ni venis al ilia domo en la urbo Herbignac. Jean-Yves interkonsentis kun la urba domo pri speciala halo por la prelego. Mi povas diri, ke mia cerbo konstante laboris vespere kaj matene, pensante: kiajn interesajn faktojn pri Siberiaj fervojoj kaj vivo en Siberio rakonti dum la prelego? Ekzemple, mi certigis karajn aŭskultantojn, ke en Siberio en grandaj urboj ursoj ne promenas laŭ stratoj. En mia urbo Krasnojarsk estis nur unu okazo kiam en la urbon el tajgo venis ursido, kiu tre timis homojn.

La 17-an de majo mi prelegis en la urbo Sent-Nazare por partoprenantoj de regiona Esperanto-kurso organizita dank' al Esperanto-instruista "Grupo-44". Dank' al Lucette Echappe mi dekomence renkontiĝis pogrupe kun Esperanto-spertuloj, progresantoj kaj komencantoj. Por la lastaj du grupoj mi organizis kantolernadon dum E-kurso. Ni lernis kaj poste kantis la kantojn "Ni vojaĝas" por progresantoj kaj "Kukolo" por komencantoj. Mi opinias, ke kantolernado estas tre efika kaj gaja rimedo por ke lernantoj sciu pli multe da E-vortoj kaj E-kantoj. Post tagmanĝo komenciĝis mia bildprelego. Ĉeestis pli ol 30 personoj.

Sed tuj post la prelego mia voĉo, fortoj kaj sano preskaŭ malaperis, ĉar mi ekmalsanis pro tre malbona malvarma vetero. Kaj mi tre-tre dankas gesinorojn Solange kaj Michel Goan, ĉe kiu mi loĝis 3 tagojn apud la urbo Nantes, pro granda zorgo pri mia sano. Nur dank' al Solange mi poiomete komencis resaniĝi. Tiu pe-

riodo estis mia plej profunda sankrizo dum la turneo.

Sinjorino Solange organizis perfektajn ekskursojn en urbeta ĉirkaŭaĵo, memorindan viziton al urbodomo kaj varman renkontiĝon kun loka Esperanto-grupo, kie ni kantis kaj eĉ dancis, kvankam la vetero estis terura.

Do, la 21-an de majo, post la unika aventuro apud la stacidomo de Nantes (oni serĉis bombon en la stacidomo, kaj trajnoj ne funkciis dum 1,5 horoj), mi venis al la urbo Angers. Tie E-grupo akceptis min tre varme, samtempe la vetero pli-boniĝis. Mi loĝis ĉe tre bona kaj vigla varmanima homo kaj perfekta esperantisto – sinjoro Laurent Vignaud. Ekskurso al la fama urba kastelo estis neforgesebla. Certe, mia prelego estis organizita brile.

Finvojaĝe, la 23-an de majo vespere mi venis en Parizon, kie min renkontis kara sinjorino Monique Grall. Sed mi volas diri grandan dankon ankaŭ al Aleks Kadar, kiu kun Monique organizis mian viziton al la ĉefurbo de Francio. Mian parizan restadon konsistigis: mia vespera prelego pri inventado en Espéranto-France, sekvataga vizito al Radio "Liberty" (Libero) kaj certe al kanzon-koncerto de brila franclingva kanzon-kantistino Helen Mil kaj neforgesebla Esperanto-muzikisto Famo. Sabate mi renkontiĝis en SAT-oficejo kun sinjoro Vito kaj ni bone interparolis pri daŭrigo de kontaktoj. Sed certe, mia muzo en Parizo estis kara Sara – filino de Monique, komencantino. Dank' al ŝi kaj Monique, kvankam pluvis kaj malvarmis, mi ekvidis Parizon kaj tre aktive kontaktis geesperantistojn. La lastaj tri tagoj en Parizo restas en mia animo kiel la plej romantikaj tagoj de mia franca turneo.



Somere en Rusio mi jam verkis tri grandajn ruslingvajn artikolojn por mia ĵurnalo "Krasnojarskij ĵeleznodoroĵnik" kaj ankaŭ publikigas fotorakonton ruse-Esperante en mia blogo. En Francio dum la turneo mi fakte sentis, ke Esperanto servas pacon kaj realan interkomprenon.

***Andrej Grigorjev (Krasnojarsk)***

# PREFIKSE UZATAJ E-VORTOJ

**parto 8** [1]

## SUB

La 22a IF gastigis **sub-aranĝon** ne pure internacilingvan: AIS San-Marino kaj la asocio Eŭropo-Klubo aplikis en sia "kromprogramo" la modelon de "poliglota dialogo"...
*Reinhard Fössmeier, or., Germanio, La Ondo de Esperanto, 2006, 2, p. 6*

La ombrela asocio malavare subtenas siajn **subasociojn** eĉ finance.
*Patrik Austin, Riita Hämäläinen, or., La Ondo de Esperanto, 2004, 5, p. 6*

Jam en la unua soneto "Viriniĝo" pri knabino en aĝo de dekkvin jaroj, ekmenstrua, **subaŭdiĝas** kritiko al la edukantoj:

La virgulin' aŭskultas monologon
pri malpuraĵoj, kredas la mensogon.
La menso kredas; sed la karno, ne.

*Christian Declerck, or., La Gazeto, 104 (jan. 2003), p. 26*

Li ĝuste volis forpuŝi la ŝelkon de-sur la ŝultroj, kiam la hundino rigidiĝis kaj desaltis. Ŝiaj oreloj staris kaj ŝia vosto estas rigida. Poste ŝi **subbojis** kaj komencis snufi apud la pordo.
*William Auld, el la skota, Norda Prismo, 1958, 1, p. 50*

Ĉiu juna senegalano havas poŝtelefonon kaj **subbrulantan** cigaredon en la mano.
*Leen Deij, or., Nederlando, Heroldo de Esperanto, 2006, 8, p. 3*

Tiu frontartikolo, kiu povus titoliĝi *Mallongaj mencioj pri la universo*, soras al kulturaj plejaltoj, sed tuj ĝi kraŝas al **subcelo** *vivigi klubvesperojn* do tuj limigante sin al la fermita (ĉu eĉ asfiksia?) esperanto-mondo.
*Carlo Minnaja, or., Italio, Literatura Foiro, 218 (dec. 2005), p. 285*

La *esperantologio* estas rigardebla **subdisciplino** de interlingvistiko.
*Detlev Blanke, or., Germanio, La Ondo de Esperanto, 2006, 4-5, p. 3*

La postmilitajn kongresojn oni povas dividi en du periodojn. ... Tamen ni povas **subdividi** la unuan periodon en du fazojn.
*Aloísio Sartorato, or., Brazilo, Esperanto, 2005, 11, p. 221*

... la posteuloj de tiuj sklavoj konvertiĝis al islamismo kaj, pli poste liberigitaj, ĉiam servis propravole la monaĥojn kiel iliaj sklavaj praavoj. La loĝantoj de la regiono **subestimas** ilin. Ili estas la Jebeljeoj.
*Manuel de Seabra, or., Portugalio – Katalunio, La Kancerkliniko, 75 (jul.-sep. 1995), p. 5*

Por multaj kristanoj, certe en la pli ortodoksaj eklezioj, estas specifa problemo nepre ne **subestiminda**, ke islamo kiel religio estiĝis post ekesto de kristanismo.
*Gerrit Berveling, or., Nederlando, Fonto, 213 (sep. 1998), p. 25*

---

[1] La antaŭaj partoj aperis en REGo №№ 3-4 (70-71) – 6 (73), 2012; 1 (74) – 4 (77), 2013.

Jen do aperas tri grupoj inter la reagintoj:
– kontraŭuloj. Eble ili ne volas enprofundiĝi en esperanton kaj decidas lojali, aŭ ili **subestimas** la tutan aferon, ĉar ĝi venas de Afriko, la kontinento subtaksata de iuj, aŭ ĝi minacas ilian pozicion ene de E-organizaĵo.
*Gbeglo Koffi, or., Togolando, Literatura Foiro, 221 (jun. 2006), p. 121*

Tiel oni klopodas eviti, ke la buĝeto ĉefe utilu nur por la riĉaj kaj influhavaj grupoj; lasante malriĉajn kvartalojn **subevoluintaj**.
*Manfred Westermayer, or., Germanio, Kontakto, 2006, 5-6, p. 16*

Dalai-Lama neniam havis imperiisman kaj ekspansiisman ambiciojn. Se manko de tiuj ambicioj (kiuj male karakterizis la potencan najbaron) estas sinonimo de **"subevoluo"** (sed ĉu vere la tibeta popolo malsatis, sub Dalai-Lama?), la "subevoluo" estas bonvena.
*HeKo 334 5-A, 19 jul 07*

La ruinaĵoj de Balĥo ne estas komparindaj kun tiuj de Romo kaj Ateno laŭ priartaj konsideroj. Sed la monumenta arto estas nur **subfaktoro** de civilizacio.
*Eugene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 112 (apr. 2004), p. 22*

Kvazaŭ en unu el liaj historioj sonorbrue forsaltis la kovrilo de malnova kofro, kie estis **subgardaj** neeldiritaj pensoj kaj dormemaj sentoj, kaj kie estis kaŝita la tuta ĉarmo surtera...
*Anatolo Gonĉarov, el la rusa, Literatura Foiro, 220 (apr. 2006), p. 99*

Nokto. Gasteja ĉambro kun ronda tablo primetita, sur ĝi pluraj boteloj da likvoro kun glasetoj kaj **subglasoj**, du teleroj...
*Perla Martinelli, el la itala, Literatura Foiro, 226 (apr. 2007), p. 65*

Nuntempe la situacio interreta estas tre interesa, ĉar la **subgrunda** mondo de linuksanoj pli kaj pli disvastiĝas, kaj facile oni povas elekti Esperanton kiel ĉefan lingvon de sia komputila tabulo.
*Federico Gobbo, Italio, La Gazeto, 111 (mar. 2004), p. 9*

Ĉe tre multaj homoj ekzistas ia komuna, **subhaŭta** konvinko, ke tamen belgoj en realo estas malkleraj, nederlandanoj kaj skotoj avaraj...
*Leen Deij, or., Nederlando, Heroldo de Esperanto, 2006, 1, p. 3*

Ĉu la ega stultularo mezepoka (kaj ne nur), kiu taksis la Judojn **subhomoj** pravis, ĉar tiu abomeninda vidpunkto estas tiu de ega amaso...
*Petro Anselmo, or., Belgio, Israela Esperantisto, 134 (apr. 2001), p. 7*

Por refortigi kulturon de vivo kontraŭ la kreskanta kulturo de morto, necesas ne nur kontraŭstari al la homa mortigo... sed ankaŭ oponi "ĉion, kio insultas la homan dignon, kiel **subhomaj** loĝkondiĉoj, arbitra enkarcerigo... kaj ankaŭ maldecaj laborkondiĉoj, kie oni traktas homojn kiel gajnilon, sed ne kiel liberajn, respondecajn personojn".
*Jim Henry, or., Usono, Kontakto, 2005, 2, p. 10*

Lasta prelego pri Esperanto okazis antaŭ tute alia publiko, nome en la sidejo de industriaj **subinĝenieroj** en Barcelono...

*or., Hispanio (Katalunio), La Ondo de Esperanto, 6, 2006, p. 2*

Mi **subiris** du operaciojn, unu en 1980, kaj la duan 6 aŭ 7 jarojn poste.
*Petro Rulofido, or., Literatura Foiro, 151 (okt. 1994), p. 275*

Tial min frustris la romano; la Ordenaj gevivantoj interesiĝas, krom pri esperantologio, nur pri **subjupo** kaj **subkalsono**. Ĉu la aŭtoro ne havis alion ol erotikon por priskribi homajn vivojn?
*Sibayama Zyun'iti, or., Japanio, Esperanto, 1999, 6, p. 118*

Tie situis la romia **subkastelo** *Kelemantia*...
*Atilio Orellana Rojas, or., Argentino – Nederlando, La Ondo de Esperanto, 2006, 11, p. 8*

En la tipologio difinita kolekto povas esti klasigata diversmaniere. ...
**1. Kolektoj en tutŝtataj bibliotekoj aŭ arkivoj** (grasigo en la originalo – *La red.*)
...
1.2. **Subkolekto** en ŝtata arkivo...
*Detlev Blanke, or., Germanio, La Ondo de Esperanto, 2007, 6, p. 9*

En Esperanta Vikipedio ekzistas portaloj pri matematiko, pri ludoj, pri literaturo kaj kelkaj aliaj temoj. Ili estas siaspecaj **subkomunumoj** enkadre de Vikipedio, kiuj helpas al homoj koni unu la alian kaj konkordigi sian aktivecon en Vikipedio.
*Kontakto, 2007, 4, p. 10*

Eĉ Zamenhof mem ne estis tiel naiva por tion kredi. Li pensis modeste, ke Esperanto povus **subkondiĉe** iomete helpi al paco.
*Vinko Oŝlak, or., Slovenio – Aŭstrio, Esperanto, 2007, 1, p. 14*

Krom tio, vivu kinarto, ĉu usona, ĉu eŭropa, ĉu azia... sed vigilu ni kontraŭ la tutmondiĝo de **subkulturo**.
*Ĵak Le Puil, or., Francio, La Kancerkliniko, 95 (jul.-sep. 2000), p. 4*

– Viaj vortoj sonas prave, kiel ĉiaj recenzistaj vortoj.
– Ne moku. Kelkaj ideoj **subkuŝas** viajn novelojn, kaj ĉi tiuj produktoj de via plumo ne ilustras ilin, viajn pensojn.
*Georgo Kamaĉo, or., Hispanio, Literatura Foiro, 118 (apr. 1989), p. 13*

Mi al tiuj simfonioj malenvias ilian perfektecon. Mi neas nur ties gravecon. La **arkisublimaj** simfonioj estas sole katedraloj el senutileco. Ili estas nealireblaj por la homo. Ili estas malhomaj.
*Christian Declerk, or., Belgio, La Gazeto, 119 (jun. 2005), p. 15*

Laŭ mi necesas kontesti la oftan diron, ke ni bezonas pli da **subliteraturo** (kies sencon oni maskas per eŭfemismoj vernise travideblaj), ĉar tio implicas la bezonon, kaj do socian mendon , de **subaŭtoroj** kaj de responda **subpubliko,** kiuj nutru unu la alian sur la vojo dekliva kaj soba, konduka al abismo de nenio- aŭ nenieldiro.
*Gonçalo Neves, or., Portugalio, Literatura Foiro, 156 (aŭg. 1995), p. 194*

Estas ankoraŭ unu motivo, pro kiu Engels insistis ĉe tiom problemhava kaj per neniu natura kaj scienca fakto **submasonita** materiisma kaj evoluciisma hipotezo:

la laboro.
*Vinko Oŝlak, or., Aŭstrio – Slovenio, Literatura Foiro, 209 (jun. 2004), p. 137*

Estas ĉiam kurioza kontraŭdiro: same kiel en kulturo, ankaŭ en ekonomio ni vivas mikrosocian dimension ene de makrosocia skalo. Kun karaktero de esence **submergita** ekonomio.
*Giorgio Silfer, or., Italio – Svislando*

Konvinki ilin akiri kaj ekinstrui novan lingvon, aparte lingvon, kiu laŭ la brita **subministro** pri edukado, Lordo Adonis, en ĉi-jara letero al esperantisto, "ne asociiĝas kun aparta kulturo", foje senesperigis.
*Paul Gubbins, or., Anglio, Esperanto, 2007, 3, p. 51*

Mi ankaŭ komparus la verkon kun la romanoj de famekonata ĉeĥo de la nuntempo, Milan Kundera. En ambaŭ funkcias ade kaj vigle la kontraŭmeto de seksa liberiĝo kun la krueleco, grizoj kaj puritaneco de la stalina **submondo**.
*Peter Browne, or., Usono, La Gazeto, 111 (mar. 2004), p. 22*

Interne de la mondo de homaj lingvoj la planlingvoj konsistigas sian propran **submondon** kun sia propra srukturiĝo. Tiu submondo (populare konata kiel <la movado por la internacia artefarita lingvo>) funkcias kiel integra komunumo...
*Sergej N. Kuznecov, or., Rusio, La Ondo de Esperanto, 2006, 4-5, p. 6*

... kaj en 2005 aperis traduko de dua el la kvar liaj famaj teatraĵoj, la "Onklo Vanja". Plenumis ĝin fama poeto kaj bardo M.Povorin. Kaj bone plenumis.
La **subnomo** de la verko estas: "Scenoj el vilaĝa vivo en kvar aktoj".
*Tatjana Auderskaja, or., Ukrainio, REGo, 2006, 1, p. 28*

En 1892, en la 57 n-ro de *La Esperanto* li [Zamenhof] skribas ...
Ni, nunaj, aldiru, ke tio – malgraŭ la posta malakcepto – en la hodiaŭa praktiko ekzistas, kvankam nur kiel varianto **subnorma**.
*Blazio Vaha, or., Literatura Foiro, 151 (okt. 1994), p. 259*

Por nia komunumo estas eble nur kreski – aŭ malaperi. Same kiel infano, kiu povas nur evolui al adolto – aŭ esti **subnormala**.
*Giorgio Silfer, or., Italio – Svislando, Literatura Foiro, 85 (jun. 1984), p. 20*

La rakontostilo de Trevor Steele estas aferece sobra, sed ne tute senornama, kun surprizaj vortkombinoj, kun ofte humuraj **subnuancoj** malpezigantaj streĉajn etosojn.
*Nicolino Rossi, or., Italio, La Gazeto, 125 (jun. 2006), p. 21*

Dua karakterizo estas la **subokupiteco**. Niaj laboristoj ofte estas **subokupitoj**: jen militrifuzanto (kiam la soldatservo estis ankoraŭ deviga), jen senlaborulo en "kriza mezuro", jen juna emerito kiu rondigas nigre sian pension.
*Giorgio Silfer, or., Italio – Svislando*

La direktoro starigis apartan ĝendarmaron; supozeble la kantinestro **subpagis** al li ian, signife altan, procentaĵon el sia profito.
*István Ertl, el la hungara, La Kancerkliniko, 80 (okt.-dec. 1996), p. 11*

La "gvidprincipo" ofte estas nur kolŝnuro, per kiu oni blinde ligas sin al iu – man-

ĝotrogo, supozeble bonŝance elektita en la granda stalo socia. Oni ofte miselektas... baldaŭ la furaĝo seniluziigas, la **subpajlaĵo** pruviĝas neŝanĝeble sterkmakulo, tamen ŝiri la ŝnuron oni ne plu havas – kuraĝon.
*Julio Baghy, or., Hungario, Norda Prismo, 1962, 1, p. 17*

Fakte tiuj modestaj linioj ne celas maldiskreditigi laŭ analizo de la enhavo mem de la informo-torento, sed nur skizi metodon por mezuri, **subpesi** la informon, evidente sendepende de individuaj ideoj, opinioj.
*Christian Riviére, or., Francio, Fonto, 260 (aŭg. 2002), p. 26*

Vi renkontos potencan reĝon en la lando al kiu vi venos, kaj vi bezonos saĝe interparoli kun li kaj liaj ministroj kaj saĝuloj. Tiam multo dependas de tio, ke vi estu mem kiel eble plej saĝa, ĉar vi devas kaj kompreni, kio servas plej bone al la prospero de mia regno, kaj scipovi **subporti** vian aferon.
*Thorsteinn Thorsteinsson, el la islanda, Norda Prismo, 1969, 1, p. 41*

Unusida turnita benko **subportas** la kusenon, kaj sur ĝi la kartono kun la diversaj truoj.
*Geraldo Mattos, or., Brazilo, Fonto, 262 (11, 2002), p. 3*

Nun li kuŝas en la **subpreĝejo** de la baziliko de Györ – espereble en eterna ripozo.
*Jozefo Horvath, or., Hungario, Literatura Foiro, 223, (okt. 2006). p. 239*

En okcidento, la veraj proletoj de la nuno estas la **subproletoj** de l’ paseo. Ili estas la en- aŭ kaŝmigrintoj, ili naskiĝis ekster Eŭropa Unio...
*Giorgio Silfer, or., Italio – Svislando, Heroldo de Esperanto, 2006, 12, p. 1*

... ni sukcesis – kunlabore kun TEJO – kunmeti laborteamojn por rekonstrui la Interretan medion (la “virtualan lernejon”), ni havus ambiciajn **subprojektojn** por edukscienca plivalorigo kaj diskonigo de la sistemo.
*Maŭro La Torre, or., Italio, Internacia Pedagogia Revuo, 2003, 1, p. 1*

Sed ne temas nur pri la projektoj de Zamenhof kaj liaj kunkurantoj aŭ konkurentoj mem, kiujn Korĵenkov mencias. La internacia Esperanto-movado naskis larĝan spektron de individuaj **sub-projekto**j kun plej diversaj nomoj kaj mallongigoj: UEA, ICK, IEL, SAT...
*Andreas Künzli, or., Svislando, La Ondo de Esperanto, 2005, 12, p. 24*

La plimulto de la membroj ne estas lingvistoj – pluraj venis al esperanto post nekontentigaj spertoj kun aliaj lingvoj. Kathy kaj Detlef **subridas** pri iliaj luktoj kun la franca.
*Detlef Karthaus, el la angla, La Ondo de Esperanto, 2004, 7, p. 13*

Mi memoras ke en mia lando manifestaciis kelkaj kleruloj sub la mokema **subridaĉo** de la misinformita amaso. (el PIV: *subridi = kaŝe ridi*)
*Christian Riviére, or., Francio, Fonto, 273 (sep. 2003), p. 15*

Grava diferenco inter la nuna jaro kaj la tiamaj estas, ke la esperantistaro estas ĝenerale pli malriĉa. Se antaŭ cent jaroj kvar el kvin aktivuloj en la eŭropa Esperantio estis liberaj profesiuloj (kuracistoj, advokatoj, privataj docentoj), hodiaŭ kvar el kvin estas pensiuloj, senlaboruloj, **subsalajratoj**, postprofesiuloj. Kaj multaj vir-

inoj.
*Giorgio Silfer, or., Italio, HeKo 320 1-A, 1 jan 07*

La lasta frazo venis kiel tarda postruliĝado, entenis neniun **subsarkasmon**. Sed Gjarta iĝis tre serioza.
*Finn Elwarth, el la dana, Fonto, 262 (10, 2002), p. 29*

Tiun okazintaĵon la familio de Zhang Yi tenis ĉiam sekreta. Pri tio **subsciis** nur malmulte da parencoj...
*Guozhu, el la ĉina, Penseo, 20 (feb. 1992), p. 3*

Kara profesoro SAM ENOF!
Vi ne povos diveni kiom da pasiigaj eksperimentoj mi povis fari ĉi koncerne la inteligentecon de la simioj! Kiom da faktoj mi malkovris!... Kaj mi **subsentas** multon, kiun mi iam rivelos al la scienca mondo.
*Lorjak, or., Norda Prismo, 1969, 3-4, p. 190*

Norda Osetio estas **subŝtato** de la Ruslanda Federacio. Oriente ĝi havas limon kun Inguŝio...
*Slavik Ivanov, or., Rusio, La Ondo de Esperanto, 2004, 11, p. 17*

La filmo estis **subtekstigita** en la slovakan kaj (kompare kun la originala 25-minuta versio) mallongigita kaj aligita al la kategorio dokumentaj filmoj longaj ĝis 10 minutoj.
*Peter Baláž, or., Slovakio, Esperanto, 2006, 11, p. 230*

Kontrastoj inter tradicio kaj moderno, oriento kaj okcidento estas grava **subtemo** en la rakontoj.
*La Kancerkliniko, 95 (jul.-sep. 2000), p. 16*

Norvego plenumas tiun ĉi taskon per plena suspekto kaj kun **subtono** de ĉagreniĝo li opinias, *Vi serĉas certe miajn difektojn...*
*Willy Breinholst, or., Danlando, Norda Prismo, 1962, 2, p. 55*

Streĉo, kvankam multe pli **subtone**, rimarkeblis ankaŭ ĉe la palestina kaj la israela delegitoj: ĝuste en tiuj tagoj konkludiĝis la packontrakto inter Arafat kaj Rabin.
*Perla Martinelli, or., Italio – Svislando, Literatura Foiro, 145 (okt. 1993), p. 237*

Niaj stratoj ofte estas loknomoj kiujn ne antaŭas la vorto *rue* (strato):... *Faubourg de la Chapelle* (**Suburbo** de la Preĝejeto), ... *Sous la Ville* (Piede de la urbo)...
*Eugene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 131 (jun. 2007), p. 5*

Ankaŭ kelkaj ŝablondevenaj novaĵoj estas eblaj, sed mi neniam renkontis ilin: *sin pafi* (france “se tirer”) por forfuĝi, ekzemple. Mi mem uzas ***antaŭurbo*** (supozeble el la germana “Vorstadt”) kaj ne ***suburb*o** (kalkeo el la angla “suburb”).
*Tazio Carlevaro, Svislando, Literatura Foiro, 144 (aŭg. 1993), p. 208*

S-ro Hu Guozhu, mi kore dankas al vi, ĉar pro vi mi nun scias ke la juna ĉinologo Pimpaneau estas la anonimulo, kiu ‘pruntis’ sian junan talenton al Klossowski, kiel **‘subverkisto’**.
*Eugene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 125 (jun. 2006), p. 11*

– Kiel vi diras, kara, kiel?
Hegyi ĵetis rigardon al la alia tablo kaj diris **subvoĉe**
– Estis granda skandalo ...
*I.Nagy, el la hungara, Z.Moricz, Varmega kamparo, HEA, Budapesto, 1985, p. 39*

Alvenis kontraŭdirekta vento, poste denove – grandaj ŝtormoj. En la **subejoj** de la ŝipo altiĝis la akvo, oni tage-nokte devis pumpi.
*István Nemere, or., Hungario, Literatura Foiro, 136 (apr. 1992), p. 60*

Kiam en Orienta Eŭropo la ĉenoj estis fine forprenitaj, tiu **subgrunda** movado tiel profunda kaj granda, kiu estis la esperanto-movado...
*Humphrey Tonkin, or., Usono – Anglio, Literatura Foiro, 148 (apr. 1994), p. 74*

Ĝi atakas la kredon, ke "Virinoj estas instrumentoj de la diablo" – Kia instruo! Tio meritas refuton. La libro kun **subtono** de komedio: tiu dia komedio de la tuta vivo, pli kaj pli plaĉas al mi...
*Peter Browne, or., Usono, La Gazeto, 101 (jun. 2002), p. 20*

La aŭtoroj, kiuj celas esperantan publikon, plej ofte cedas al la tento enmiksi esperantajn temojn en siajn fikciaĵojn. Tiel ĉi ili sin asertas duoble esperantaj: laŭ la celita legantaro, kaj laŭ la enverka temaro. Berveling ne **subkuŝis**, brave!
*Eŭgeno de Zilah, or., Francio – Hungario, La Gazeto, 107 (jun. 2003), p. 5*

... la unuan vere ampleksan romanon "Krimo kaj puno", kie la aŭtoro, konvinkita pri la aĉeta povo de la dolaro, alfrontos la temon de la malbono kaj de **subgrundo** (en la kelo) de la homa konscienco.
*Nicolino Rossi, or., Italio, La Gazeto, 107 (jun. 2003), p. 25*

Petro ankoraŭ staris tie, pasigante la polekson mole sub sia karnoza **subvizaĝo**.
*Finn Elwarth, el la dana, Fonto, 262 (10, 2002), p. 24*

Ĉiukaze la analizo de iu psika fenomeno ne nepre kondamne senkreditigas la objekton **subkuŝantan** en la fenomeno mem.
*Zeechin Armando, or., Fonto, 253 (1, 2002), p. 10*

... kiam mi kun fratoj estis ĉe 'Ty Coch', nia hejmo, kaj la gepatroj estis fore, la ĉielo nigriĝis dum posttagmezo, fulmo ekbrilis, **subbruis** tondro, kaj pluvo deplonĝis.
*Jeffery R.Padfield, el la kimra. Fonto, 261 (sep. 2002), p. 4*

Li sendis al Gaetan rigardon de iu, kiu timas diri stultaĵon. Kaj duonlaŭte:
– ĉar vi ...
– Jes, mi ...
La du friponetoj fulmrapide kompreniĝis **subvorte**. Kaj ili preskaŭ ĥore deklaris ...
*Lorjak, or., Retoj, eld. Fondumo Esperanto-Säätiö, Finnlando, 1978, p. 43*

***elnotis Anatolo Gonĉarov (Krasnojarsk)***

# Bulteno de REU

## OKTOBRO 2013

**№78**. Kompilas kaj redaktas Nikolao Gudskov (rete: nikolao@yandex.ru), redaktofino – 30.09.2013

**Nova dumviva membro:**
Neĉaev Nikolaj (Irkutsk)

**Mecenatoj de REU en 2013:**
Borodin Aleksej (Krasnodara regiono, Otradnaja)
Delcov Jevgenij (Sankt-Peterburgo)
Filippov Aleksej (Moskvo)
Kitajkin Ivan (Mordovio, Turgenevo, Ardatovskij rajon)
Lariĉev Vladimir (Moskvo)
Loŝmanov Anton (Komsomolsk-na-Amure)
Odincov Aleksej (Permj)
Semenov Grigorij (Moskvo)
Zaĥarova Valentina (Komia Respubliko, Usinsk)

***Dankon pro financa subteno de la Landa Asocio!***

## DECIDOJ DE LA ESTRARO 17.09.2013

La estraro de REU en sia kunveno 17.09.2013 kaj rete en la grupo <reu-estraro> pridiskutis multajn demandojn, problemojn, kurantajn aferojn. Jen estas kelkaj decidoj:

1) ***Moderigantoj de dissendolistoj.*** Nomumi la moderiganton de la dissendolisto <reu-agado> – s-ron Valentin Melnikov; nomumi du moderigantojn por informa dissendolisto de REU <esperanto-rus-informoj> – nome Vladimir Minin kaj Mikaelo Ĉertilov.

2) ***Membrokartoj***. Por la kuranta jaro ĉiuj REU-membroj ricevos membrokartojn, kiel estis antaŭe. Ekde la jaro 2014 jaro estu elektronika varianto de la membrokarto. La paperan ekzempleron ricevu novaliĝintoj kaj dezirontoj laŭ la anticipa mendo. La Estraro konsultiĝos kun V.Aroloviĉ pri la teksto kaj transdonos ĝin al A.Grigorjevskij por ke li ellaboru la modelon kaj produktu la kartojn.

3) ***Membrokotizoj.*** La Estraro de REU decidis ekde 2014 plialtigi membrokotizojn. La nova versio de la Kotizregularo estas publikigata. La novaj kotizoj estas sekvaj: *por individuaj membroj 250 rubloj, por aliĝintaj kolektivoj – 100 rubloj por ĉiu membro. Por la kolektivoj kun pli ol 10 personoj la rabatita ekzemplero de REGo pagotos pluse. La aliaj kotizoj restas senŝanĝe.*

## REZOLUCIO POR LA MONDA TAGO DE INSTRUISTOJ

**La Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj**, ILEI, celebras la Mondan Tagon de Instruistoj (la 5-an de oktobro), proklamitan de Unesko, per la sekva rezolucio, akceptita en kelkaj simpozioj kaj renkontiĝoj antaŭ kaj post la koncerna tago.

La Ligo kaj la kunvenintoj:
**Agnoskas** la honorindan kaj daŭre defendendan alvokiĝon de instruistoj tra la mondo.
**Substrekas** la pozitivan rolon, kiun ili povas ludi en homa evoluigo kaj firmigo de transkulturaj kontaktoj trans limoj de nacioj kaj lingvoj.
**Emfazas** la neceson, ke la lingva diverseco estu defendata ene de edukaj programoj, kun forta emfazo al la akcelo de la instruado de lingvoj minacataj je pereo.
**Alvokas** por la rajto de lernantoj aliri ĉiajn vivantajn, funkciantajn lingvojn, kio evidente inkluzivas la rajton instrui kaj lerni Esperanton.
**Subtenas** la celojn de la Tago, nome 'pripensi la malfacilan ekonomian kaj socian kuntekston en kiu laboras instruistoj, kaj trovi manierojn bonigi iliajn profesian statuson kaj laborkondiĉojn, same kiel tiujn de ĉiaj edukistoj.'

***Por informo de la ruslingvaj amaskomunikiloj:***

**Резолюция о Всемирном дне учителя**

**Международная лига эсперантистов-учителей** (ILEI) отмечает Всемирный день учителя (5 октября), объявленный ЮНЕСКО, следующей резолюцией, принятой на ряде симпозиумов и встреч перед соответствующей датой.

Лига и собравшиеся:
**Признают** почётное и всё ещё нуждающееся в защите призвание учителей.
**Подчёркивают** положительную роль, которую они могут играть в развитии человечества и укреплении межкультурных контактов через национальные и языковые границы.
**Обращают** особое внимание на необходимость защиты языкового разнообразия в образовательных программах, особо отмечая усиление обучения языкам, которым угрожает исчезновение.
**Призывают** признать право учащихся на доступ ко всем живым, функционирующим языкам, что, безусловно, включает право преподавать и изучать язык эсперанто.
**Поддерживают** цели Дня учителя, а именно, "осознать сложные экономические и социальные условия, в которых работают учителя, и найти способы повышения их социального статуса и улучшения условий работы, так же как и для любых воспитателей".

## URAL-SIBERIA SOMERA AGADO

Tradicie dum kelkaj jaroj septembre en Jekaterinburg okazas postsomera E-renkontiĝo, dum kiu ĉiuj uralanoj, kiuj bonŝancis partopreni somerajn E-aranĝojn, en- kaj eksterlandajn, rakontas pri siaj vojaĝoj kaj senavare ebligas al ĉiuj dezirantoj aŭskulti siajn individuajn impresojn.

Ĉi-jare la 14-an de septembro ĉirkaŭ 25 interesiĝintoj kolektiĝis por tiu ĉi okazo en la kunvenejo de E-klubo “Arĝenta Flamo”. Krom jekaterinburgaj esperantistoj la aranĝon partoprenis 5 aliurbaj gastoj: el Tjumenj venis Pavel Veselov, Marina Stepaĉova kaj Nastja Golovkina, el Ĉeljabinsk – Galina kaj Nikolaj Terentjevoj. Post la feria paŭzo, kiam oni longe ne renkontiĝis, estis evidenta plezuro revidi malnovajn amikojn kaj ĝoje saluti kaj brakumi unu la alian.

Kelkvorte skizi la buntan bildon de ĉiuj prezentitaj dum la sabata programo rakontoj estas malfacila tasko. Eblas nur diri, ke ili ĉiuj estis impresaj! La ĉeestintoj povis admiri multajn fotojn de belaj lokoj kaj landoj vizititaj, de mirindaj kaj pitoreskaj pejzaĝoj viditaj, de interesaj E-aranĝoj partoprenitaj.

Jen estas listo de niaj raportintoj:

Arina Osipova (Jekaterinburg) rakontis pri sia 9-monata E-deĵorado en Belostoka E-centro, kie ŝi volontulis kaj instruis Esperanton.

Galina Terentjeva (Ĉeljabinsk) faris tre detalan kaj interesan rakonton pri sia vojaĝo al Islando kaj partopreno en UK-98 kaj prezentis enhavriĉan kaj belegan fotopanoramon de Islanda naturo.

Aleksandr Osincev (Jekaterinburg) aldone al la rakonto de G.Terentjeva prezentis siajn vojaĝimpresojn, ja li kaj nia nova juna esperantisto Pavel Vavilin duope vojaĝis al la kongresa insulo tra Skandinavio: Finnlando, Svedio, Norvegio kaj Danio. Ili ambaŭ spertis vere nekutimajn aventurojn dum la vojo!

Marina Stepaĉova (Tjumenj) rakontis pri RA-8 (Renkontiĝo de Amikoj), tradicia somera renkontiĝo, kiun organizas esperantistino el Novosibirsk Katerina Arbekova. Ĉiam RA okazas en iu belega loko, ĉi-foje ĝi gastis en Krimeo.

Arina Osipova (Jekaterinburg) prezentis tre viglan kaj interesan rakonton pri la Internacia Junulara Kongreso en Israelo (IJK-69), akompanante sian prezenton per pluraj fotoj kaj komentoj.

Jana Husanova (Jekaterinburg) rakontis pri sia Esperanto-vojaĝo al Germanio, kiun ŝi faris laŭ privata invito de sia amiko Andre Muller. Interalie Andre partoprenis pasintjare nian Zamenhof-feston en Jekaterinburg.

Jen ankoraŭ unu interesa novaĵo de tiu ĉi nia renkontiĝo: post la 30-jara foresto al Jekaterinburg revenis konata esperantisto Andrej Peĉonkin. Multaj ĝojis vidi lin inter ni, kelkaj lin bone memoras. Andrej siatempe estis unu el la plej aktivaj esperantistoj en Uralo, kaj ni esperas, ke li denove ekaktivos en sia naskiĝurbo.

La renkontiĝo finiĝis per komuna teumado kaj ĝoja amika komunikado. Ni dankas ĉiujn kontribuintojn kaj partoprenintojn de la aranĝo!

***raportis Raja kaj Viktor Kudrjavcev (Jekaterinburg)***

## KOTIZOJ DE UEA POR 2014

En la retejo de UEA <http://uea.org> troviĝas jam la kotiztabelo de la Asocio por la jaro 2014. Ĝi krome estos dissendita kun la oktobra numero de la revuo *Esperanto* en aparta faldfolio, kiu estas uzebla ankaŭ kiel varbilo de novaj membroj. La Centra Oficejo volonte sendos la folion laŭpete por distribuo en Esperanto-renkontiĝoj aŭ por dissendo kun landaj kaj klubaj bultenoj.

Post tri jaroj kun samaj kotizoj, tiuj por 2014 estas plejparte iom pli altaj por

kompensi la okazintan inflacion. Por la kotizo de Dumviva Membro la ĉi-jara tarifo validos ĝis la fino de decembro.

Ĉi-jare ankaŭ la kotizo de la plej malmultekosta kategorio, Membro kun Gvidlibro (MG), rajtigis legi la revuon *Esperanto* rete. Tiel estos ankaŭ en 2014. Por la landoj, kies kotizo estas sama kiel por Nederlando, la MG-kotizo estas 11 eŭroj. Por la landoj de la tarifo B tiu kotizo restas sama kiel en 2013, nome 5 eŭroj.

Individuaj Membroj povas regajni la kotizon, parte aŭ plene, utiligante sian rajton je 10-procenta rabato ĉe la Libroservo de UEA. Membroj kun Gvidlibro aŭ Jarlibro ricevas la rabaton dufoje dum la jaro. Membroj-Abonantoj, Dumvivaj Membroj kaj Honoraj Membroj ricevas ĝin por ĉiu mendo. Krome, ĉiuj membroj escepte de Membroj kun Gvidlibro rajtas aliĝi al la Universala Kongreso kontraŭ rabatita kotizo. Reta membroaliĝilo: <http://db.uea.org/alighoj/alighilo.php>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

# REU-kotizoj por 2014

**– individua kotizo, pagata ĝis la 28-a de februaro 2014: 250 rubloj (por ekster-KSŜ-anoj – 20 eŭroj).**

**– individua kotizo ekde la 1-a de marto 2014: 300 rubloj (por ekster-KSŜ-anoj – 25 eŭroj).**

*Inkluzivas membrokarton (paperan version – nur por tiuj, kiuj ĝin speciale petos!), Jarlibron en elektronika formo (laŭpete – ankaŭ en la papera), Bultenon de REU en elektronika formo (laŭpete – ankaŭ en la papera) kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton dum REU-Konferencoj, rabatojn en E-aranĝoj de REU. La individua kotizo validas por la kalendara jaro 2014.*

*NB! Pagante jarkotizon antaŭ la 28-a de februaro vi ne nur helpas REU, sed ankaŭ ŝparas iom da propra mono. Se oni pagas la kotizon ne persone al la kasisto, la dato de pago estas kontrolata laŭ poŝtkvitanco.*

## – mecenata kotizo: 500 rubloj

*Inkluzivas ĉion la saman de individua kotizo, krom unu escepto: sur membrokarto estos skribita "Mecenato de REU".*

**– dumviva kotizo: 5000 rubloj (por ekster-KSŜ-anoj – 500 eŭroj)**

*Inkluzivas ĉion la saman de individua kotizo dum la tuta vivo de membro.*

**– familia kotizo: 100 rubloj**

*Inkluzivas membrokarton, voĉdonrajton dum REU-konferencoj, rabatojn en E-aranĝoj de REU. Je familia kotizo rajtas parencoj de individuaj, dumvivaj aŭ mecenataj membroj, kiuj ricevas poŝton ĉe la sama adreso.*

**– kolektiva kotizo: 100 rubloj por ĉiu aligita membro (la aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 aligitaj membroj).**

*Inkluzivas 1 ekzempleron de Jarlibro de REU kaj rajton aboni unu ekzempleron de*

*REGo kun rabato (pagatas pluse) por aliĝintaj kolektivoj kun 10-15 aligitaj membroj (kaj por ĉiu aldona deko da aligitaj membroj), aliajn informojn de REU por la kolektivo; membrokartojn, voĉdonrajtojn dum REU-Konferencoj, rabatojn en E-aranĝoj de REU. Se klubo pagas por malpli ol 10 membroj, ĝi ne rajtas aboni REGon kun rabato.*

**– aliĝkotizo por novaj aŭ realiĝintaj kluboj – 300 rubloj.**

*Unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. Jam aliĝintaj kolektivoj ne pagas. Nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se kolektivo ne pagas kotizojn por la aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi poste devas denove aliĝi al REU.*

**– amiko de REU: senpage**

*Inkluzivas partoprenrajton (sen voĉdonrajto) en REU-Konferencoj, Bultenon de REU en elektronika formo kaj aliajn informojn. Oni rajtas aliĝi kiel "amiko de REU" nur unufoje. Persono, sin anoncanta "amiko de REU", devas plenigi aliĝilon kaj mencii sian aktualan retadreson.*

Ĉiuj membroj de REU kun la aĝo malpli ol 31 jaroj aŭtomate iĝas membroj de la junulara sekcio REJM (Rusia Esperantista Junulara Movado) kaj ricevas voĉdonrajtojn en REJM-voĉdonoj.

# Pagmanieroj

**1. Poŝta ĝiro:** 142717 Московская область, Ленинский район, п/о Развилка, до востребования, Наталье Николаевне Шороховой
2. Pagi kotizon (post anticipa interkonsento) ankaŭ oni povas **persone en Moskvo**.
3. Tra **Sberbank**.
– Se vi havas propran bankan karton, emisiitan de Sberbank, vi povas ĝiri la monon rekte tra bankmaŝino (банкомат). Tiucele enigu karton, entajpu vian identigan kodon, kaj poste elektu en la menuo: "**Перевод средств**". Entajpu numeron de la karto: 6761 9600 0497 614843 kaj necesan sumon.
– Se vi ne havas karton aŭ aŭtomata ĝiro ne sukcesis, vizitu bankon kaj transpagu la monon, uzante ĉi-subajn datumojn:
Банк получателя: ОАО "Сбербанк России"
БИК 044525225, ИНН 7707083893, КПП 775003035, ОКАТО 45286580000, ДО № 0135, 121069, Москва, Поварская улица, 31/29
Получатель: Шорохова Наталья Николаевна
Номер счёта получателя: 40817 81003 82604 04119, код подразделения 9038/00135

Bonvolu nepre konsideri, ke samtage kun la ĝiro vi devas retpoŝte aŭ telefone informi nin pri via pago (pere de la adreso **membreco@reu.ru** aŭ numeroj de estraranoj). Vi devas informi pri la ĝirita sumo kaj la nomo(j) de persono(j), por kiu(j) estas destinita la pago. Se vi ne informos nin, la mono estos konsiderata kiel anonima donaco por la kaso!

# Eksciu, ke...

## BET-49 EN LITOVIO

Ĉi-jara BET sub senriproĉa kaj ĉiam perfekta organizo de Povilas Jegorovas kaj lia teamo pasis en la eta urbeto Utena, kies historio ekis en 1261. Kvietaj stratoj, plenaj je floroj kaj verdaĵo, tre afablaj homoj, atmosfero de trankvilo kaj bona vivo restis en nia memoro.

Same trankvile kaj en bona ritmo pasis la neforgeseblaj tagoj de BET-49! Unue, venis multegaj aktivuloj el Litovio, Latvio, Estonio, Rusio, Slovakio, Svedio, Ukrainio, Hispanio, Italio, Nederlando k.a. landoj. Entute pli ol 200 esperantistoj el 20 landoj venis al tiu ĉi anguleto de Litovio. La perfekta etoso de tiu ĉi vere internacia aranĝo ebligis fruktodone labori kaj plenimprese ripozi. La aranĝon salutis la urbestro Alvydas Katinas, estis organizita akcepto ĉe la vicurbestro kun abundaj regaloj, improviza koncerto kaj libera babilado en freŝa aero.

Abundis seriozaj programeroj: somera universitato, trinivelaj kursoj, prezentado de E-eldonejoj. Brile estis organizitaj ekskursoj al bierfarejo kun (kaj sen) biergustumado, tra la teritorio de nordorienta Litovio, al bela lagaro, malnova muelejo... Ĉion ni volis vidi, aŭdi, partopreni, ankaŭ la noktaj programeroj kun festado de naskiĝtagoj de M.Bronŝtejn kaj N.Berce restis neforviŝeblaj en la memoro. Kantoj novaj kaj malnovaj, anekdotoj, ŝercoj, rememoroj aŭdiĝis ĝis mateno!

Admirindas la laboro de V.Ŝilas, kiu redaktis la ĉiutagan koloran informilon de BET "Heroldo de Utena". Imitinda kaj laŭdinda modelo de sindona aktivado! Ĝustatempa informo, belaj fotoj, interesaj novaĵoj, kantoj, veterprognozo kaj multo alia trovis sian lokon sur la kvar paĝoj de tiu periodaĵo! Lernindas kaj enviindas!

Ni ĝuis dum la tuta semajno multajn koncertojn, ne nur de esperantistoj, sed ankaŭ de lokaj kolektivoj, kiuj konatigis nin kun antikva litova arto kaj kulturo. Interesaj vesperaj programoj estis organizitaj ĉe la bordo de la urba lago, kie funkciis muzikaj kolorfontanoj, vera miraklo en tiom eta urbo!



Mi pli kaj pli konvinkiĝas, ke similaj naciaj aranĝoj kun ĉ. 200 partoprenantoj efikas pli por ni mem kaj por ekstera publiko ankaŭ. Pli amika estas la etoso, eblas vidi-koni-kontakti ĉiujn partoprenantojn. Pli profunde kaj proksime eblos ekkoni novajn lokojn.

Koran sinceran dankon al Povilas Jegorovas pro lia senlaca kaj plezuriga agado! Novan inspiron al organizantoj de BET-50 en Latvio! Pacon kaj interkompreniĝon al ĉiuj ni!

***Svetlana Smetanina (Moskvo)***

## KIAM, KIE, KIO OKAZAS? – INTERNACIA E-KALENDARO

Internacia Esperanto-Kalendaro – listo pri Esperanto-renkontiĝoj, kongresoj, festivaloj!

Kiam, kie, kio okazas? – La "Internacia E-Kalendaro" listigas ĉiujn konatajn Esperanto-renkontiĝojn, kongresojn, festivalojn, kiuj akceptas vojaĝemajn esperantistojn kiel partoprenantojn.

La Kalendaro havas du cefajn avantaĝojn:

– Individuaj esperantistoj povas trovi en unu loko la ĉefajn informojn pri ĉiuj Esperanto-aranĝoj, kun iliaj retejoj kaj kontakt-adresoj de la organizantoj. Krome, oni povas vidi date najbarajn aranĝojn kaj efike plani sian vojaĝadon.

– La organizantoj (krom efike reklami sian aranĝon) povas, informiĝante pri datoj de tempe kaj geografie proksimaj renkontiĝoj, eviti koliziojn.

La registrado de novaj aŭ mankantaj renkontiĝoj estas senpaga kaj simpla afero pere de formularo en la komenco de la kalendara listo.

Indas registri ankaŭ la malgrandajn, lokajn renkontiĝojn, ja tio donas ŝancon por eventualaj eksterlandaj esperantistoj, ĝuste tiutempe turismantaj en proksimeco trovi kontakton kaj partopreni vian aranĝon...

La Internacian Kalendaron funkciigas teamo de la Esperanto-Centro "Eventoj/Lingvo-Studio" en Budapeŝto. La Kalendaro funkcias jam ekde 1996 kaj enhavas jare ĉ. 250 Esperanto-aranĝojn.

Kiel vi povas helpi?

– Per registrado de aranĝoj: anoncu (aŭ korektu/aktualigu) informojn pri novaj aranĝoj!

– Helpu diskonigi la Kalendaron! Aperigu ĝian emblemon kaj faru ligilon al ĝi en via retejo!

– Ŝatu aŭ kundividadu la kalendaran retejon en sociaj retoj kiel Facebook!

Se vi ŝatus esti regula kunlaboranto en nia teamo kun redaktora rajto, bv. kontakti nin: Szilvasi Laszlo <szilvasi@eventoj.hu>. Adreso de la Internacia Esperanto-Kalendaro: <http://www.eventoj.hu/kalendaro.htm>.

Ni dankas vian helpon, kaj ĝuu la Kalendaron!

***Laszlo Szilvasi (Hungario)***



## KUNA VOJAĜO AL NATURA PARKO



Jam delonge esperantistoj de nia E-klubo "Arĝenta Flamo" revis kune viziti unikan lokon – vastekonatan naturan parkon "Olenji ruĉji" (Cervaj rojoj).

La 1-an de septembro ni sukcesis realigi nian revon kaj samtempe bele adiaŭi ĉi-jaran someron, vizitinte tiun ĉi naturan trezoraĵon en Uralo.

La parko situas en Sverdlovska regiono, proksime de la urbeto Niĵnije Sergi, ĉe la bordoj de la rivero Serga, proksimume 130 km okcidenten de Jekaterinburg. Ni luis komfortan buson kaj la vojo estis nekutime glata, tial baldaŭ ni atingis la pitoreskan anguleton de urala naturo, kiun oni ofte nomas "Urala Svisujo".

Veninte ni ekvidis, ke "Olenji ruĉji" estas vere eksterordinara loko kun mirinda naturo. Krom granda arbaro kun multegaj padoj kaj aero, saturita de herbaj, pinaj kaj abiaj odoroj, abundis rokoj kun naturaj kavernoj. Por la marŝo laŭ la parko eblis elekti inter malgranda sepkilometra kaj granda dekkvinkilometra rondoj, kaj nia grupo decidis realigi dekkvinkilometran ir-revenan marŝon. Do, ni devis ne malmulte piediri tiutage!

Estis varma sunriĉa tago, kaj ni gaje paŝis tra la arbaro, ĝuante freŝan aeron, aŭskultante la kantadon de birdoj kaj plezure ripozante de la urbaj bruo kaj tumulto. Sur la padoj multis malgrandaj brunaj arbaraj ranetoj, kuraĝe saltantaj preskaŭ ĉe la piedoj, kaj ni tre timis surpaŝi ilin hazarde. Foje el la herbo sin montris kaj rapide malaperis timema erinaco. Estis agrable unuiĝi



kun la naturo kaj senti sin ĝia parteto.



Laŭ la vojo ni entuziasme studis ĉiujn atingitajn naturajn vidindaĵojn: la plej grandan en nia regiono kavernon "Druĵba" (Amikeco), apud kiu nia grupo ĝojis fotiĝi, la rokon "Trinkanta ĉevalo" kaj la faman skulptaĵon "Anĝelo". En nia regiono estas unu el 17 tiaj skulptaĵoj, manfaritaj en Svedio kaj jam starigitaj en la diversaj elektitaj lokoj de la mondo. Ĝenerale, laŭ la tutmonda projekto "Anĝelo de komuna espero", oni planas disloki tra la mondo entute 49 anĝelojn por konstrui apartan spacon, kiu helpos defendi Pacon sur nia Tero.

Foje la vojo daŭris laŭ montetoj, tiam desupre bone videblis belegaj pejzaĝoj sube kaj la serpentumanta rivero Serga, foje ni iris laŭ la pendoponto, sur kiu povis samtempe paŝi ne pli ol 5 homoj.

Ĝuante la kunripozon, nia dekkvinpersona grupo pasigis en la parko la tutan tagon. Tiu ĉi nia kunavojaĝo sendube utilis por ni ĉiuj – kaj ne nur pro tio, ke la naturo malavare reŝargis niajn cerbojn kaj animojn per pozitiva energio, sed ankaŭ pro tio, ke ĝi pli forte unuigis nin.

***Raja Kudrjavceva (Jekaterinburg)***

## NOVA ESTRARO DE TEJO POR LA JAROJ 2013-2015

Komitato de TEJO kunsidinta en la 69-a IJK en Nazareto elektis novan estraron, kiu laŭ la decido de la Komitato estos 7-kapa. Sampostene reelektiĝis prezidanto Łukas Żebrowski el Pollando, ĝenerala sekretario Paweł Fischer-Kotowski el Pollando kaj kasisto Nico Huurman el Nederlando. De la antaŭa estraro restis ankaŭ Michael Boris Mandirola el Italio kaj Tina Tišljar el Kroatio.

Novaj en la estraro estas Veronika Poór el Hungario kaj Alexandre Raymond (Alekĉjo) el Francio/Brazilo. La estraron post sesjara laboro forlasis Sergeo Tyrin el Israelo (ne rekandidatiĝis) kaj post unu oficperiodo Petra Smidéliusz el Hungario/Argentino, kiu estis la sola neelektita kandidato el la okpersona listo proponita de la Elekta Komisiono.

Ni kore dankas al Sergeo kaj Petra pro ilia ĝisnuna elstara laboro en la estraro, samtempe esperante ke ili plu aktivos en TEJO. Ni esperas ankaŭ, ke la nova estraro bone laboros por realigo de la laborplano. Legi pli ĉe <http://tejo.org/eo/node/1513>.

***TEJO-aktuale***

## APERIS ESPERANTA-ARMENA-RUSA VORTARO

Esperanto-movado en Armenio komenciĝis en la 20-aj jaroj de la 20-a jarcento dank' al elstara lingvisto, honora aganto de sciencoj en Armenia kaj Kartvelia SSR, akademiano de Akademio de Sciencoj de Armenio kaj Akademio de Esperanto, profesoro Gurgen Sevak, al kies memoro ni kun la profunda danko dediĉas la vortaron. Dum la lastaj 40 jaroj armenaj esperantistoj partoprenis en multaj internaciaj kongresoj, scienc-teknikaj konferencoj kaj renkontiĝoj organizitaj en diversaj landoj de la mondo, prezentante Armenion pere de prelegoj, ekspozicioj kaj koncertaj programoj. Internaciaj renkontiĝoj kaj aliaj Esperantaj aranĝoj multfoje okazis ankaŭ en nia respubliko, dum kiuj la gastoj povis konatiĝi kun la historio, antikva kulturo kaj nuntempa vivo de la lando. Armenaj esperantistoj ricevadis grandan subtenon flanke de Armena asocio de amikeco kaj kulturaj rilatoj kun eksterlando (AOKS) por disvolvi sian agadon.

La prezentata trilingva vortaro (470 paĝoj, ISBN 978-9939-50-213-7) estas destinita por vastaj rondoj de legantoj. Ĝi konsistas el du partoj kaj enhavas pli ol 15000 kapvortojn en la armena lingvo kaj Esperanto. Eblecon uzi la vortaron ricevas ankaŭ ruslingvaj legantoj, por kiuj estas prezentita ruslingva traduko de la vortoj. Dum la kompilado de la vortaro estis uzataj: la La Nova Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto sub redakto de G.Waringhien (reviziita de M.Duc Goninaz), Esperanta-rusa kaj rusa-Esperanta vortaroj sub redakto de E.Bokarjov, armena kaj rusa eksplikaj kaj dulingvaj tradukaj, ankaŭ profesiaj, terminologiaj kaj pluraj Esperantaj kaj fremdlingvaj vortaroj. Tiu ĉi eldono estas la unua provo kompili similan trilingvan vortaron. Ni kun ĝojo akceptos proponojn kaj rimarkojn fare de legantoj kaj konsideros ilin en niaj estontaj laboroj.

Por ekscii pliajn detalojn pri la vortaro kaj mendi ĝin bonvolu kontakti min laŭ la retadreso <lidaelb@yahoo.com>.

***Lidija Elbakjan (Armenio)***

## *Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)*

### Pri Michael kaj Hanna
### el “La legisto” de Bernhard Schlink

Li kaj ŝi – de l’ sort’ amkunigite
Sur la draste fremdaj vivterenoj
Spertis altan muron senevite
Inter si el streĉoj kaj venenoj.

Pasis jaroj, kaj ne gravas nomo
De persono por la viv’ torenta.
Krimo de l’ popolo kaj de l’ homo
Restas krimo, eĉ pasintjarcenta.

Kred’ kaj devo, bono kaj malbono
Vivas je ne ĉiam klaraj limoj.
Iuj liberiĝas de prizono,
Sed ne de iamaj siaj krimoj.

La memor’ ne ĉiun pardonemas –
Iuj ne kapablas ĝin fortrivi.
La trudita kulpo l’ vivon premos –
En la vera kulp’ ne eblas vivi.

# MIA UNUA ESPERANTO-SOMERO

*post SES al JES kaj denove al SES… kial ne?*



Aŭtune, precipe dum pluvaj malvarmaj tagoj, iom kun malĝojo aŭ dolĉa melankolio, oni kutime emas rememori pri la plej interesaj kaj agrablaj momentoj de la jam pasinta somero. Kiel nova esperantistino el Ĉeboksari mi satus rakonti pri mia unua Esperanto-somero, kiu estis vere fruktodona, tute nekutima kaj plena je diversspecaj impresoj.

Pri Esperanto kaj E-movado mi ekinteresiĝis dank' al Aleksandr Blinov, la ĉeforganizanto de la Lingvaj Festivaloj en Ĉeboksari kaj mia E-instruisto.

Sed nur antaŭ duonjaro mi eĉ ne povis imagi, ke mi ekesperantistiĝos kaj entreprenos tiom neordinaran vojaĝon en… Esperantujon. Temas pri mia unua E-aranĝo – SES (Somera Esperanto-Studado), kiu ĉi-jare okazis la 12-an – 20-an de julio en Martin, Slovakio. Entute partoprenis ĝin 230 personoj el 27 landoj.

Mi iris tien kune kun esperantistinoj el Moskva Esperanta Asocio MASI Mirina (Irina Gonĉarova) kaj ŝia lernantino Miri (Jekaterina Lozina), kun kiuj mi konatiĝis en la interret-grupo "SinEspRimo". La grupo estis kreita por aktivigi kaj kuraĝigi novulojn, do mia kun Miri vizito al SES estis rezulto de tiu ĉi kuraĝigo.

Niaj kunvojaĝantoj estis ankaŭ du spertaj esperantistinoj el Kaluga: Tejulino (Julija Tenengoljc) kaj Iranta (Irina Gorodeckaja).

En Slovakio mi pasigis dek tagojn. Estis tre oportune, ke ni venis tagon pli frue, ĉar mi bezonis tempon por alkutimiĝi al tute nekutima medio. Krome, ni havis bonan eblecon promeni tra la urbeto kaj esplori ĝin. Malfacile estus tion fari en iu alia tago, ĉar la SES-a programo estis nekredeble intensa kaj abunda! Tute ne eblas priskribi kaj mencii ĉion interesan, do mi rakontos pri la plej impresaj eventoj.

Certe, la oficiala alventago estis memorinda – ĉar la unuaj impresoj ĉiam estas neforgeseblaj – kun ĝia registriĝo, lingva testado en la manĝejo kaj gaja interkona vespero kun konatigaj ludoj, dum kiuj ni konatiĝis kun niaj samlandanoj Ilja Gnusarev kaj Alina Sudakova el Penza. Do, evidentiĝis, ke entute estis 7 partoprenantoj el Rusio.




Laŭ niaj lingvoniveloj ni ĉiuj vizitis diversajn grupojn de Esperanto-lernado, kiujn gvidis spertaj Esperanto-instruistoj. Interese, ke por tiuj esperantistoj, kiuj jam perfekte parolas Esperanton, estis organizita speciala kurso, nome Programo por instruemuloj, kiun sukcese kaj entuziasmige gvidis Mirina.

Kaj mi estis feliĉa ĉeesti la




kurson de B2-nivelo, kiu estis gvidata de Tim Morley, tre energia brita E-instruisto. La lecionoj estis plenaj je interesaj paroligaj taskoj, ludoj kaj kortuŝaj kantoj. Dum la kurso mi eksciis multan novan kaj bone konatiĝis kun miaj samgrupanoj, vere interesaj homoj el diversaj landoj.

Inter lecionoj mi ĝuis kafopaŭzojn en la vestiblo, dum kiuj la homoj babilis multe kaj interŝanĝis la impresojn pri ĉio, trinkante kafon aŭ teon.

Krome tre plaĉis al mi la duontaga ekskurso al Oravio kun agrabla vojaĝo en la malnova vapora lokomotivo. Kaj eĉ pli impresa estis la tuttaga ekskurso al Altaj Tatroj, la plej alta montaro en Slovakio, kun pitoreskaj lagoj.



Pro diversaj ekskursoj mi preterlasis multe da vizitindaj prelegoj, sed feliĉe mi ĉeestis la plej interesajn laŭ mi, ĉar mi sincere opinias, ke bonegaj prelegoj estas tiuj, kiuj inspiras fari ion. Ekzemple, post la kurso de Tokipono, prelegita de Marek Blahuš, nun mi volas scipovi tiun vortludan lingvon. Kaj post la prezentado de Mirina pri Moskva Lingva Festivalo mi ege ŝatus viziti ĝin por kompreni kiel ĝi funkcias kaj simple por ĝui ties etoson!




Sed plej gravas konatiĝo kaj komunikado kun homoj... La bonan komunikadon nenio povas anstataŭigi. Do, dankegon al la organizantoj pro tiom mojosa etoso kaj plia esperantistiĝo!

Post la vizitita E-aranĝo mi entuziasmas daŭrigi mian umadon en Esperantujo kaj nun revas viziti la novjaran junularan Esperanto-aranĝon JES, kiu okazos ĉi-vintre en Szczawno-Zdroj, en sud-okcidenta Pollando. Kaj ankaŭ logas min SES-2014 en Slovakio kaj Rusio!

***Tatjana Stepanova (Ĉeboksari)***